Heleco

Numero 88 Decembro 2012

**Astura Esperanta-Asocio**

Sidejo: Universitata Kampuso de Vieskes
GIJÓN (ASTURIO-HISPANIO)

Interret-paĝo: http://carleos.epv.uniovi.es/~faustino/

Retadresoj: easturias@telecable.es
mailto:esperanto@uica.info

**Astura Esperanto-Asocio** estas esperantista rondo kiu plenumas sian rolon favore al la disvastigado de la **Internacia Lingvo** unualoke en nia urbo, Gijón, kaj ankaŭ, leĉeble, en tiuj partoj de la Asturia regiono, kie ne ekzistas lokaj grupoj de **Esperanto**.

Nia agado disvolviĝas kadre de: **Cátedra JOVELLANOS de Extensión Universitaria**

**Enhavo** **Paĝo**



La enhavo de la tekstoj de ĉi-tiu revuo ne esprimas oficialan opinion de **Astura Esperanto-Asocio**: pri ili respondecas la verkintoj mem.

Leĝa Registro 0/319/85



# Astura Esperanta Asocio

## AKTIVADO DE LA E-RONDO




Ĉar ĉi-jare jam estis eldonita, en monato majo, alia numero de la revuo, ne estas necese raporti ĉi tie pri la tutjara vivo de de nia E-Asocio. Krome en monato julio ni aperigis la 10an numeron de ***A.E.A.-Informilo*** per kiu ni priraportis la poresperantan aktivadon de la grupo. Se, krom tio, nun ni havas pluan laboron rakontendan povus ŝajni ke la membraro de nia E-rondo estas tre aktiva. Nu, jes ja, aktivado favore al Esperanto ne mankas ĉe ni dum la tuta jaro, sed… hontosente ni devas konfesi ke ni ne sukcesas organizi kurson pri la Internacia Lingvo. Ni havas konvenan ejon kie tiaj kursoj povus okazi, ankaŭ instruistojn ni havas, kaj lernolibrojn por la instruado, sed mankas la ĉefa faktoro de ĉiu ajn kurso: la gelernantoj. Ni sufiĉe propagandis pri la ĉeesto de nia sidejo en la Universitata Areo de Gijón, kaj pri la E-kursoj kiujn ni volis gvidi, tamen nia afero tute ne vekas la intereson de la gejunuloj de nia epoko. Ĉio en ĉi tiu socio konspiras kontraŭ aferoj kiaj nia Internacia Lingvo kaj aliaj similaj homfavoraj idealoj.



A.E.A.-informilo

Numero 10 Julio 2012

Pliriĉiĝo de la AEA-biblioteko



Prelegoj pri Esperanto en la IES de Moreda

Datreveno de la Unua Libro en Esperanto

Ne nur en nia universitata medio ni propagandis pri Esperanto. En la pasinta kurso ni havis okazon prelegi pri la Internacia Lingvo en aliaj lokoj. Per la 10a numero de ***A.E.A.-Informilo*** ni informis ke la 24an kaj 25an de majo okazis en la Gimnazio de Moreda iuj aktoj kiuj tie estas nomataj ***Kulturaj Tagoj de Aller-Valo***. Ĉi-jare la titolo kaj temaro de la Celebro estis: ***Kulturo kaj Komunikado: La mil kaj unu lingvoj***. Inter la prelegoj pri la temo de la idiomoj kaj aliaj esprim- kaj komunikad-rimedoj estis ankaŭ konferencoj pri la Internacia Lingvo. Prelegis pri Esperanto kaj ties celo la sekretario de nia E-Asocio.

Alia okazo estis la 8a de aŭgusto, ĉi-foje en la apudmara urbo Ribadesella. Ni estis ricevinte peton de iu instruistino de tiu urbo por partopreni en kunsido de virina babil-rondo kiu kutime kunvenas por pritrakti diversajn kulturajn temojn. La anoj de tiu rondo sentis intereson ankaŭ pri la temo de la Internacia Lingvo **Esperanto** kaj oni invitis nin informi pri ĝi. Por plenumi tion iris al tiu urbo la prezidanto de nia E-grupo Carlos Enrique Carleos kaj la sekretario Faustino Castaño. La kunsido okazis en agrabla etoso en iu restoracio en bela kampara loko en la ĉirkaŭaĵoj de Ribadesella. Oni transdonis priesperantan dokumentaron al la membroj de tiu ina rondo kiuj tre interesiĝis pri la afero. En la sekva paĝo troviĝas foto de kelkaj membroj de la babilrondo kune kun la prelegintoj. Kiel kurioza anekdoto ni aldonu ke iu el la inoj de tiu rondo estis Menchu Álvarez del Valle, avino de la Princino Letizia Ortiz.

Alia laboraĵo de nia E-Asocio estas la eldonado de ĉi tiu revuo, **Ĥeleco**. Ĉi-jare tiu laboro estis duobla ĉar anstataŭ unu numero en la jaro, kiel kutime, en 2012 ni eldonis du numerojn, ambaŭ 76-paĝajn kaj ambaŭ dediĉitaj al la sama temo: la hispana konstituciismo, okaze de la dua centjaro de la unua konstitucio de Hispanio. Tiu numero eldonita en monato majo pritemas la unuan jarcenton (1812-1912) kaj per ĉi tiu numero kulminas nia historia priraportado de la politika evoluo de nia lando.

La temo de la hispana konstitucio respeguliĝas ankaŭ en nia Interreta paĝo, konkrete en la sekcio “Niaj tradukaĵoj”. Carlos E. Carleos Artime, prezidanto de **AEA**, entreprenis la taskon esperantigi la konstitucian tekston. La laboro estas ankoraŭ ne-kompleta, sed indas prezenti en nia retpaĝo la ĝis nun tradukitan parton por iamaniere festi la duan Centjaron.

En tiu sekcio de tradukaĵoj de nia ret-paĝo estis publikigitaj lasttempe ankaŭ aliaj materialoj:




- hispana teksto kaj ties esperanta traduko de la manifesto-alvoko de Julio Anguita "**Ni estas plimulto. Civitaneca Fronto**". Tiu dokumento, kiu aperas –kompreneble nur hispanlingve- en aliaj interretaj paĝoj, enkadriĝas en la nuntempa problemaro de nia lando, la ekonomia krizo kaj la maniero kiel alfrontas ĝin la registaro. Same kiel la alia menciita tradukaĵo, ankaŭ ĉi tiu rilatas kun la enhavo de la ĉeftemo de ĉi tiu numero de **Heleco**.
- Esperanta teksto de la Himno de Eŭropo, kantita kaj kun abundaj bildoj de lokoj kaj personoj de la Eŭropa Unio.

Aliaj sekcioj de la ret-paĝo, sufiĉe ampleksaj, restas ne-kompletigitaj. Ĉi tiu estas laboro kiu postulas tempon kaj dediĉon. Pluafoje ni invitas niajn legantojn kaj nian tutan membraron kunlabori en la pliriĉigado de nia interreta organo. Pere de ĝi, de Interreto ĝenerale, oni povas dissendi la poresperantan mesaĝon mondskale. Ŝajnas ke kiam multaj esperantistaj grupoj kaj kluboj, laŭ la tradicia modelo, kiel nia **Astura Esperanta Asocio**, ne kapablas veki en ties geografia medio intereson pri Esperanto, en Interreto senĉese kreskas la esperantistan materialon: paĝoj, libroj, kursoj, vid-filmoj, vorto-difinoj en Vikipedio… Ĉiu ajn persono en ĉiu ajn loko en la mondo povas akiri tra la monda reto ĉiutipan esperantistan materialon kaj tiele ĉesis esti problemo la manko de organizitaj esperantistaj kolektivoj en multaj lokoj. Do, ni devas adaptiĝi al tiu ĉi nova situacio kaj profiti la interretajn rimedojn por plenumi la ĉefan taskon de la esperantistaro: la disvastigadon de Esperanto.

**Constitución Española**
Konstitucio teksto

**Hispanuja Konstitucio**
Traduko de Carlos Enrique Carleos

**Julio Anguita.** *Frente Cívico*

**Julio Anguita.** *Civitaneca Fronto*

EŬROPA HIMNO

Kantu kune amikaro, ni la ĝojon festas nur,
Nek rivero, nek montaro plu landlimoj estas nun.

Ho Eŭropo, hejmo nia, tro daŭradis la divid';
Nun brilegu belo via, ĉiu estas via id'.

Via flago kunfratigas homojn post milita temp',
Via leĝo nun kunigas civitanojn en konsent'.

De l' Malnova Kontinento ĵus ekstaris la popol',
Gvidas ĝin tre nova sento kaj kuniga forta vol'.

Sub la ŝildo de la juro ni vivados en konkord'.
Tio estas nia juro: unu land' kaj unu sort'.

Jen ekzemplo por la mondo: jen direkto, jen la voj':
tuthomara granda rondo en la paco, en la ĝoj'!



# Juan Bautista Luis y Pérez, Episkopo de Oviedo Honora Prezidanto de Astura Esperanta Asocio




En la jaro 2009, nia E-Asocio festis sian Centjaron. Tiujare ni eldonis specialan, cent-paĝan, numeron de nia revuo **Heleco**. Laŭlonge de tiu ampleksa publikigaĵo ni priraportis la centjaran historion de **Astura Esperanta Asocio** kaj de la astura esperantismo ĝenerale. Kompreneble, por la ellaborado de tiu historia raporto estis necese kolekti grandnombron da dokumentoj: leteroj, ĵurnalaj eltranĉaĵoj, gacetoj, fotoj… Tiu materialo abundis por kelkaj periodoj sed estis vere malabundaj, kaj mise dokumentitaj, por la unuaj jardekoj de nia historio.

Raportante pri la unua periodo de **AEA**, en la 22a paĝo de tiu 84a numero de nia revuo aperas la foto kiun ni prezentas ĉi-paĝe. Temas pri grupo da 28 personoj (ĉiuj viroj) inter kiuj estas kelkaj klerikuloj. Ni sciis ke tiu foto apartenis al la historio de nia E-Asocio ĉar malantaŭ tiu grupo klare videblas la tiaman flagon de **Astura Esperanta Asocio**, kiam ĝi estis enkadrigita en la **Katolika Centro** de Gijón, sed ni ne povis precizigi la daton kaj la cirkonstancojn de tiu foto. Jen la teksto per kiu ni komentis ĝin:




***…pli malfacile estas konjekti la naturon kaj la cirkonstancoj de la grupo aperanta en tiu bildo. Ĝi povas esti aŭ Esperanta lernokurso aŭ kunsido de la estraro de la Katolika Centro. En la foto aperas, krom la du prezidantoj, Tomás Guisasola kaj Francisco Menéndez Rúa, facile rekoneblaj, ankaŭ aliaj kiuj, ŝajne, aperas sur la unua foto kiun ni komentis. Sed estas ankaŭ aliaj tute ne konataj kaj inter ili ne malpli ol kvar katolikaj pastroj. Krome du el tiuj pastroj ŝajnas esti iome altrangaj; iliaj vestaĵoj ŝajnas indiki ke ili estis kanonikoj aŭ io simila. Tio igas nin pensi ke temas pri kunsido de la estraro de la Katolika Centro, sed tiukaze ne kongruas la ĉeesto de tri infanoj en la grupo, nek la flago de Astura Esperanta Asocio, bone videbla malantaŭ la grupo. Alie, la grupo estas tre multenombra por temi pri estraro de iu Asocio. Ĉiuj tri cirkonstancoj apogas la tezon ke temas pri lerno-kurso de Esperanto, sed tiukaze estas ne verŝajna tiom granda partopreno de pastroj en la sama kurso. Antaŭ la manko de preciza informo ni povas fari supozon, kaj nia opinio estas ke temas pri la partoprenantoj en Esperanta lernokurso sed konsentis pozi por la foto ankaŭ kelkaj altranguloj de la Katolika Centro por esprimi sian simpation kaj apogon al Esperanto...***



Nu, hodiaŭ ni povas pli ĝuste informi. La informon ni trovis hazarde en ***Interreto.*** Priserĉante alian aferon en la monda reto ni trovis la paĝon, ret-adreso: http://galeon.com/lucasbruma/antiguas.htm

Temas pri retpaĝo entenanta kelkajn antikvajn fotojn de nia urbo, Gijón, kaj inter tiuj fotoj estis du sur kiuj aperas Francisco Menéndez Rúa, fondinto kaj unua Prezidanto de **Astura Esperanta Asocio.** Kaj jen unu el tiuj fotoj estas tiu, kiun ni komentas. Kaj pli bone estas ke la menciita retpaĝo indikas la daton kaj la cirkonstancojn de la foto, samkiel la nomojn de kelkaj el la personoj kiuj aperas sur ĝi. Tiele ni eksciis ke la foto estis farita en la episkopa ĝardeno de Gijón, la 17an de aŭgusto de 1930, kaj estis farita okaze de la transdono de la titolo de Honora Prezidanto de nia E-Asocio al la tiama episkopo de Oviedo. La nomo de la episkopo ne aperas en tiu ret-paĝo sed ni povis konstati, per alia inform-fonto, ke la tiama episkopo de Asturio estis Juan Bautista Luis y Pérez (1878-1934). Li estas la klerikulo kiu sidas en la unua vico de la grupo, preskaŭ en la centro de la foto, apud Tomás Guisasola, Prezidanto de la **Katolika Centro** de Gijón. La alia klerikulo sidanta apud Tomás estas alia episkopo, ĉi-kaze de Salamanca, kaj nomiĝas, laŭ informas la citita retpaĝo, Francisco Frutos Valiente (1883-1933). Flanke de ĉi tiu, maldekstre en la foto, estas Francisco Menéndez Rúa, unua Prezidanto de **AEA**. La episkopa ĝardeno menciita kiel loko de la foto ni ne scias precize kie ĝi troviĝis, sed estas sufiĉe verŝajne ke estis en iu loko nomata Las Clotas (Contrueces) kie tiam ekzistis iu palaco en kiu somerumadis la episkopoj de Asturio.

La alia foto sur kiu aperas Francisco Menéndez Rúa estis farita la 6an de aŭgusto de la sama jaro, do 11 tagojn antaŭ la alia foto. En tiu bildo la Prezidanto de **AEA** promenas surstrate akompanita de Calixto de Rato y Roces, pri kiu ni povis scii ke estis iu fama kuracisto de tiu epoko en Gijón.

Jen ĉi tiu informo iome prilumigas epokon ne bone konata de la historio de nia E-grupo, pri kiu estas ankoraŭ nekonataj datumoj.














# 71a Hispana Kongreso de Esperanto

La landa E-Kongreso okazis ĉi-jare en la urbeto Almagro (Ciudad Real) de la 27a de aprilo al la 1a de majo. La kongresejo estis la Palaco de la Grafoj de Valparaíso, konstruita en la jaro 1699. En la urbo estis aliaj monumentaj konstruaĵoj de la baroka epoko kiel la t. n. «Corral de Comedias» (komedikorto), kiu konserviĝas senŝanĝe de tiam. La gekongresanoj ĝuis tiujn belaĵojn okaze de la vizito al la urbo kaj dum la ekskurso al ***Campo-de-Criptana***, en kiuj ciceronis Jorge Camacho.

Aliaj kongresa amuzaĵoj estis la projekciado de filmo pri Esperanto kaj teatro-ludado de iu fragmento de la verko **Sanga Nupto** de Lorca, laŭ traduko de Miguel Fernández. La muzik-kvaropo ***Sinkopo*** kontribuis per koncerto al la solena inaŭguro de la Kongreso. Estis aliaj artaj programeroj kiel tiu de la kanzonisto Alejandro Cerro kaj tiu de la kataluna grupo ***Kaj Tiel Plu***, kiu ludis tradiciajn popolkantojn okcitanajn kaj sefardajn, kaj aliajn el la hispana civil-milito, ĉiuj en Esperanto.

Ene de la kongresa programo, Alejandro Pareja gvidis la lingvajn kursojn por komencantoj. En la Ĝenerala Kunveno de HEF oni planis agadon por festi la 125an datrevenon de Esperanto. Toño del Barrio estis konfirmita kiel HEF-Prezidanto. Okaze de la 20a datreveno de la t. n. **Ibera Skolo** oni omaĝis en la kongreso la ĉeestantajn membrojn de tiu grupo: Adúriz, Camacho, Miguel Fernández. Ana Manero raportis pri la nuna stato de disvolviĝo de la HEF-projekto **Bitoteko**, kies celo estas disponigi, tra Interreto, Esper-antajn librojn kaj revuojn.

La presaro bone informis pri la kongreso kaj en Interreto (En la HEF-kanalo ĉe **Youtube**) oni povas vidi kelkajn filmetojn pri tiu evento.






















# 97a Universala Kongreso de Esperanto

Kun speciala referenco al la festado de la 125-jara jubileo de Esperanto kaj al la longdaŭra vietnama milito de la pasinta jarcento, la 97a Universala Kongreso de Esperanto okazis en Hanojo, la Vietnamia ĉefurbo, de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto. La sidejo estis la Palaco de Kulturo por iuj programeroj kaj la hotelo Meliá por aliaj.

En la solena inaŭguro bonvenigis la gekongresanojn la Vicprezidento de la Vietnama Socialista Respubliko, Nguyen Thi Doan. Salutis ankaŭ reprezentantoj de proksimume 60 landoj, inter ili ankaŭ aziaj landoj, el kiuj ĝis nun malofte partoprenis geesperantistoj en univesalaj kongresoj: Laoso, Kamboĝo, Singapuro...

La kongreso havis malgrandan nombron da aliĝintoj —nur 866— kaj la nombro da partoprenantoj estis la plej malalta dum la lastaj 28 jaroj. La kialo de ĉi tio estis, krom la ekonomia krizo en granda parto el la mondo, la fakto ke la kongresurbo estis tre for de la grandaj esperantistaj centroj, kaj ties klimato troas en kio rilatas al la varmo kaj humideco. Tamen la renkontiĝo en ĉi tiu loko ebligis al 150 junaj vietnamaj geesperantistoj partopreni Universalan E-forumon.

Kiel kutime en tiutipaj kongresoj, abundis la kulturaj aktoj: prelegoj, konkursoj, ekzamenoj, rondaj kaj fakaj kunvenoj… kaj ankaŭ la ludaj, amuzaj… Menciinde estas ke en la ekumena diservo estis neniu pastro. La loka presaro sufiĉe amplekse informis pri la Kongreso.

En la ferma saluto de la prezidanto de UEA, Probal Dasgupta, li disvolvis la ideon ke Esperanto krom promocii la pacon inter homo kaj homo celas ankaŭ la pacon inter la homo kaj la Naturo.

La 5a de aŭgusto okazis postkonkresaj ekskursoj al centra kaj suda Vietnamio, Ho-Chi-Min-urbo (iama ĉefurbo de Suda Viet-namio, kiam ĝi nomiĝis Sajgono) kaj al Kamboĝo.


















**Kutime la unua oktobra semajno estas rezervita por la tradicia E-aranĝo en Hispanio. La ĉi-jara jubilea 20-a E-Semajno okazis en la ĉemara urbo "Cambrils", situanta 16 kilometrojn sude de Tarragono. La aranĝon organizas grupeto da entuziasmaj esperantistoj el Barcelono kaj Sabadell sub la gvido de Luis Serrano Pérez. Dum la aranĝo li ankaŭ prizorgas libroservon.**

**Ĉi-foje la aranĝo atingis rekordan nombron da partoprenantoj. Alvenis 144 gesamideanoj el 13 landoj. Ni loĝis en granda 4-stela hotelo "Cambrils" en proksimeco de la plaĝo, kiu etendiĝas je 18 kilometroj laŭ la maro. Multaj profitis la posttagmezajn paŭzojn por promenadi laŭ ĝi kaj ankaŭ baniĝi en Mediteraneo. La vetero en tiu ĉi sezono estas ĉiam agrable varma. Ankaŭ la hotela naĝejo estis ĉiutage plenplena de hotelgastoj. La hotelo disponas pri 400 ĉambroj. Ĉiuj estis okupitaj. Oni aŭdis krom la franca, plejparte la rusan lingvon. Iuj gastoj scivolis pri Esperanto. Nia aranĝo estis la lasta de tiu-ĉi sezono dum kiu la hotelo funkciis. La prezoj estas malpli altaj ol dum la someraj monatoj.**

**La dimanĉan inaŭguron ĉeestis kaj bonvenigis nin la urbestrino de "Cambrils" kaj aliaj du membroj de la urbestraro. Nome de UEA salutis la ĉeestantaron Barbara Pietrzak el Pollando. Ŝi pli poste prelegis pri la 125-a centjariĝo de la Unua Libro. La saman temon oni ankaŭ pritraktis en debato, kiun gvidis Luis Serrano. Ĉiutage (krom la tuttaga ekskurso) Rodica Todor el Rumanio animis kun granda sukceso la E-kurson. Pro ŝiaj profesiaj psikologiaj spertoj la kurso fariĝis interesa kaj sekvis ĝin multaj entuziasmaj lingvoŝatantoj. Ŝi eĉ havis ideon krei komunan libron pri la temo: "Kial restas multaj personoj ĉiamaj komencantoj kaj kiamaniere ni povus solvi tiun fenomenon?". Gian Carlo Fighiera el Italio alloge prezentis la verkon de Victor Hugo "La Belulino, la Monstro kaj Nia Damo". La geedza paro Michèle kaj Hubert el Belgio klarigis kiel plibonigi sian esperanto-lingvoscion per prelegoj. Per bildoj kaj komentario ili rakontis pri siaj spertoj en Esperantujo. Josée Boccadifuoco el Francio rakontis kortuŝan biografion de siaj gepatroj. Temis pri "Rememoro de milito". Profesoroj Júrate Buŝiene kaj Aldis Buŝs el Latvio prezentis serion da prelegoj. Ili konigis al ni informojn pri baltaj landoj: Litovio, Latvio kaj Estonio. Pri sia lando ili montris film-fragmentojn el kultura kaj festa vivo kaj rakontis pri sistemo de instruado en Latvio. Krome ni eksciis kio estas hipofeo - planto kun oranĝaj beroj enhavantaj multe da vitamino C. Manfred Sona el Germanio enkondukis kaj klarigis interesan temon: "Baza enspezo senkondiĉa". Ĝi estus bona rimedo por forigi malriĉecon kaj doni kondiĉojn, por ke ĉiu povu vivi digne. Lia prelego instigis al vigla diskutado. La prezidanto de HEF (Hispana E-Federacio) José Antonio del Bario rememorigis gravajn hispanajn esperantistojn de antaŭ la hispana intercivitana milito. Pro la ĉiutaga vespera hotela programo ne eblis okazigi kelkajn el niaj vesperaj programeroj. Tial iuj gesamideanoj pli frue enlitiĝis, aliaj profitis dancadon, spektis flamenkan prezenton kaj magiaĵojn. Tamen ni ĝuis la du interkonajn vesperojn kun hispana "Cava" - ŝaŭmvino kaj ankaŭ vesperon kun "cremat" (bruligita rumo kun aldonaj spicaĵoj). Nur bedaŭrinde la folklora ensemblo "Montjuic" pro certaj miskomprenoj ne venis ĝojigi nin per siaj kantoj. La hotelo provizis disko-muzikon kaj kontentigis nin per kelkaj havanaj melodioj.**

**La premio "Ada Sikorska" estis ĉi-foje aljuĝita al Vilhemo Lutermano, kiu multe laboras por Esperanto. Li organizas retforumon MAS, redaktas Esperanto-version de "Le monde diplomatique" kaj eldonas E-librojn. Li loĝas en Kubo kaj pro tio li ne povis transpreni la premion persone.**

**Kutimaj (dum tiu ĉi aranĝo) estas unu tuttaga kaj du duontagaj ekskursoj. Dum la unua duontaga ekskurso ni vizitis la E-muzeon en "Pau d'Ordal" kaj la vinkelon "Massana". Tie ni gustumis kaj povis aĉeti diversspecajn vinojn. La dua duontaga ekskurso celis la monaĥejon de "Escornabou". Ĝi estis plurfoje renovigita kaj nun servas kiel muzeo. Apuda rigardejo donis eblecon observi belan kaj vastan ĉirkaŭaĵon. La tuttaga ekskurso estis ĉi-foje iom nekutima. Unue ni vizitis planetarion en la urbo "Castelló". Poste atendis nin surprizo. Ĉiuj 90 ekskursantoj estis invititaj al la hispana specialaĵo "paella". Preparis ĝin je niaj okuloj s-ro Conejero en sia hejmo. La afabla akcepto fare de la familio estis por ni vere agrabla surprizo. Ni ankaŭ gustumis kelkajn fruktojn el la ĝardeno de la gastigantoj.**

**La Semajno estis sukcesa, la vetero favora, hotela manĝo abunda, la etoso gaja kaj amika. Koran dankon al niaj fervoraj organizantoj kaj kunhelpantoj pro la bona laboro, kiu ebligis al ni ĉeesti tiun ĉi ŝatatan aŭtunan eventon. Ĝis revido venontjare denove en Katalunio.**

***Liba Gabalda***



# Kuirante kun Pilar



## Nukso-kuketoj

### INGREDIENCOJ

150 gramoj da ĉokolado
Duon-kilogramo da nuksoj
150 gramoj da butero
200 gramoj da sukero
5 ovoj
Nuksoj por surdekorado

### Por la kovraĵo

200 gramoj da ĉokolado
100 gramoj da butero
200 mililitroj da likva lakt-kremo

### ELLABORADO

Oni fandu la ĉokoladon dispecigitan kun la butero. Batu la ovo-flavojn kun la sukero ĝis la kremiĝo de la maso; aldonu la nuksojn dispecigitajn kaj la fanditan ĉokoladon. Oni miksu ĉion kaj aldonu la ovo-blankojn batitajn ĝis densiĝo. Verŝu la mason en rektangulan bak-muldilon kaj kuiru ĝin en forno je 180 gradoj dum 30 minutoj. Malmuldigu la mason kaj atendu ĝian malvarmigon.

Kovraĵo. Oni varmigu la lakt-kremon ĝis ekbolo, retiru ĝin el la varmigilo kaj aldonu la dispecigitan ĉokoladon kaj la buteron. Miksu ĉion ĝis la fandiĝo de la ĉokolado kaj kovru per ĉi tiu la kukon. Lasu ĝin en la fridujo ĝis la malmoliĝo de la kovraĵo kaj fine tranĉu ĝin kvadrat-forme.

Dekoru ĉiun kuketon surmetante nukso-pecon.




La nun finiĝanta jaro 2012 estas la Dujarcento de Kadiza Konstitucio konsiderata kiel la komenciĝo de la konstituciismo en nia lando. Tial ni decidis priskribi per nia revuo la politikan kaj parlamentan historion de Hispanio dum tiuj 200 jaroj. La unua el tiuj du jarcentoj jam estis prirakontita per la antaŭa numero de la revuo, eldonita en aprilo de la nuna jaro; ĉi-numere ni okupiĝos pri la dua jarcento, t. e. la periodo inter la jaroj 1912 kaj 2012. Per la menciita raporto de nia revuo ni vidis ke la historio de la hispana konstituciismo kaj de la lando mem dum la periodo 1812-1912 estis sufiĉe ĥaosa, senorda, malharmonia, tempesta, akcidenta, perforta, malfeliĉa… kaj nun ni vidos ke tiu de la dua sekva jarcento, de 1912 ĝis nun, tre estis simile plena je malstabileco kaj malfeliĉaj eventualaĵoj.
Nia antaŭa raporto finiĝis, en la jaro 1912, Centjaro de la Konstitucio de Kadizo, rakontante la murdon de la la Registrar-Prezidento Canalejas en novembro de tiu jaro. Nu, en la jarcento antaŭ tiu evento aliaj du Prezidentoj de la Registaro, Prim kaj Cánovas, estis murditaj per similaj atencoj, kaj jen, en la sekvinta jarcento ĝis nun, aliaj du Prezidentoj Dato kaj Carrero Blanco suferis tian sorton.
Se la antaŭa jarcento estis tragike signita de la Karlistaj militoj, jen, la sekvinta vidis la plej kruelan hispanan civilmiliton, tiun de la jaroj 1936-1939. Ankaŭ tiu pesto de la militista interveno en la politikon, kun ties puĉoj, ribeloj kaj regado far militistestroj, kiu karakterigis la 19an jarcenton, havis sian imitadon en la 20a jarcento: puĉo kaj diktaturo de Primo-de-Rivera, ribelo de garnizonoj de Jaca kaj Cuatro-Vientos, Puĉo de Generalo Sanjurjo, ribelo de militistoj en 1936 kaj longdaŭra frankisma diktaturo, sufokita militista puĉo la 23an de februaro de 1981 kaj posta simila intenco… Se la antaŭa jarcento konis la revoluciojn de 1854 kaj 1868, la lasta jarcento havis tiujn de 1917 kaj 1934. Ankaŭ la strikoj, laboristaj konfliktoj kaj sociaj konvulsioj simile abundis en ambaŭ jarcentoj. La malfacilaj rilatoj inter la ŝtato kaj la Eklezio same kiel la entrudiĝo de la pastraro en la landan politikon kaj la popola perforto kontraŭ la klerikaro estis similaj en ambaŭ jarcentoj. Se en la 19a jarcento iuj strangaj kaj samtempe hispane tipaj uloj kriadis: ***vivu la ĉenoj***!, en la 20a jarcento aliaj same strangaj kaj ankaŭ same hispane tipaj uloj kriadis : ***vivu la morto!***
La malstabileco de vidpunkdo de la konstitucioj same karakterigis ambaŭ jarcentojn. Kaj la samon oni povas diri pri la koloniismo kaj imperiismo aventuremo de la hispana regantaro kaj ties fiasko en tiu tereno. La Burbona dinastio, kiu estis detronita kaj poste restarigita en la antaŭa jarcento, traspertis saman sorton en la lasta jarcento. La Reĝa familio kulpis pri grava koruptado sub Izabela la 2a, kaj la lasta jarcento alportis pliajn tiajn skandalojn en la Kortego la Alfonso la 13a kaj eĉ nuntempe… Duafoje oni proklamis Respublikon en ĉi lasta periodo kaj duafoje fiaskis same kiel en la 19a jarcento. La ekonomiaj krizoj frapadas nin same kiel (aŭ eĉ pli kiel akre ol) en la antaŭa jarcenta periodo…
Oni diras ke la popoloj kiuj ne studas sian historion riskas ripeti samajn erarojn… kaj nia popolo ne emas studi sian historion. Per ĉi tiu modesta prihistoria laboraĵo ni intencas iomete kontribui al tio ke la sekvonta jarcent-periodo estu por nia lando pli paca kaj stabila ol la pasintaj ducent jaroj.




Oni povas konsideri ke en la jaro 1913 komenciĝis la krizo de la konstitucia monarĥio de Alfonso la 13a kaj de la sistemo de de la Restarigo mem. Post la morto de Canalejas, la liberalisma registaro estis estrita unue de Manuel García Prieto kaj baldaŭ poste de la Grafo Romanones, sed ankaŭ ĉi ties regado daŭris malmulte. Tiam la reĝo konsideris oportune alvoki la moderistan partion al la regado en la spirito de la alterniĝo de la du partioj de la Restariga reĝimo. Sed la lidero de tiu partio, Antonio Maura, rifuzis plu kunlabori kadre de tiu skemo de alterniĝo en la regado; li postulis ke la liberalista partio forlasu la politikon aplikitan de Canalejas.

Verdire la tiama politika situacio de Hispanio tre estis malsama ol ĝi estis en la epoko de la Burbona Restarigo. La du dinastiaj partioj kiuj alterniĝis en la regado de la lando dum la antaŭaj tridek jaroj estis sufiĉe centrismaj. Restis for de ilia politika ludado la karlistoj, la respublikanoj k. a. Sed en la dua jardeko de la 20a jarcento la situacio estis sufiĉe ŝanĝiĝinta laŭsence ke multaj karlistoj kaj aliaj dekstremaj sektoroj pli malpli ligitaj al la RomKatolika Eklezio enkondukiĝis en la Moderistan Partion, kiu tiele fariĝis nete dekstra. Dume, la Liberala Partio nutriĝis el diversaj sektoroj, la katalunistoj kaj respublikanoj, kaj aliaj, ĉefe de maldekstraro, kiel la socialistoj, akirante karakteron de nete maldekstra partio. Do, inter ambaŭ partioj, nun, respektive, nete dekstra kaj maldekstra, ne eblis paca kaj interkonsenta alterniĝo en la povo, kaj la manko de interkonsento devus esti solvita pere de sentrompa balotado. Sed, laŭ la konstitu-cio, estis la Reĝo kiu rajtis elekti la reganton, kaj sekve ĉi tiu organizadis balotojn laŭ sia propra in-tereso pere de klientismo kaj kacikismo. Resume, la konstitucio, fakte, havis tiam neniun rilaton kun la reala situacio.

Krome, al ambaŭ partioj mankis tiam nediskutitaj lideroj; interne de ili formiĝis grupoj ĉirkaŭ tri aŭ kvar grandaj kacikoj. La deputitoj pli estis de grupo ol de la partio, kaj la grupoj pli estis de persono ol de ideologio. Kaj ĉar la balotsistemo estis kiel ĉiam kaj la kacikoj estis pli kaj pli enradikigitaj en sia propra distrikto, neniu grupo sukcesis alporti propran plimulton al la Parlamento. Do, neniu registaro povis kalkuli je parlamenta plimulto.

En ĉi tiu etapo de la reĝimo la alterniĝo de la registara povo devis kontempli ne nur la du partiojn sed ankaŭ la internajn grupojn de ambaŭ partioj. En la iomete pli ol dek jaroj ekde la murdo de Canalejas ĝis la puĉo de Miguel Primo de Rivera estis ne malpli ol 18 registaroj ***(Vidu en la sekva paĝo la tabelon de la Registar-Prezidentoj).*** Nur unu el tiuj 18 rigistaroj daŭris pli ol du jarojn. La meza daŭro de ĉiuj ili estis malmultaj monatoj, kaj estis iu registaro kiu daŭris nur kvin tagojn kaj alia nur du tagojn. Kompreneble, en tiaj cirkonstancoj ne eblis al tiuj regantaroj efike disvolvi projektojn. Ĉar ĉiu nova registaro apartenis al malsama partio aŭ malsama grupo ene de la sama partio ol la antaŭa, ĝi emis nur malfari tion faritan antaŭe. La politika krizo estis konstanta, la problemoj ofte restis sensolvaj.

Foje, la graveco de la problemoj igis la Registrar-prezidenton demisii, sed plejofte la ŝanĝo de regantaro obeis nur al la decido de la reĝo. La Konstitucio asignis al la monarko tiun rajton, sed ŝajnas ke li trouzis ĝin. Se la homoj kiujn li elektis por regi la landon estis taŭgaj kaj kapablaj, ili devus disponi de pli da tempo por disvolvi siajn projektojn, kaj se ili ne estis indaj por tiu rolo, oni ne komprenas ke oni elektu ilin por keljfoja alternado kun la aliaj: ja, Manuel García Prieto prezidis kvin alternajn registarojn, la Grafo Romanones, Eduardo Dato kaj Antonio Maŭra prezidis, ĉiu el ili, tri registarojn, kaj Manuel Alonsosalazar Muñoz du registarojn.

Sed, kiel dirite, eble la ĉefa kialo de tiu politika malstabileco estis disrompiĝo de la partioj. En kio koncernas al la Liberala Partio, kiam ĉi tiu entreprenis ĝian rekonstruadon subgvide de homo de nediskutebla intelekta kaj politika kapablo kia Canalejas, la murdista mano de iu anarkiisto mortigis lin en la jaro 1912 malebligante tiun projekton. La rekta sekvo de tiu katastrofo estis la disrompiĝo de la Liberala Partio en grupoj, kiujn gvidis Grafo Romanones, García Prieto, Montero Ríos, Alba-y-Gasset, k. a. Se al tiu skemo oni aldonas la aktivan regionistan malplimulton kaj la bataleman aliancon de respublikanoj kaj socialistoj, oni povas kompreni la malfacilaĵojn regadi kun Parlamento en tiaj cirkonstancoj. Tiu politika disrompiĝo tute senekvilibrigis la tiaman sistemon lasante al la Reĝo la tutan respondecon ne nur de la nomumado de la Registrar-Prezidento sed de la tuta ministraro.

Ekde 1912 al 1917 la plej elstaraj figuroj en la regado de la lando estis: en la Liberala Partio Romanones kaj García Prieto, kaj en la konservativa partio Eduardo Dato, sed ĉiuj ili estis nur regantaroj por demarŝado aŭ administrado, sen iu homogena agad-programo, atentante nur pri la solvado de la gravaj problemoj kiuj senĉese prezentiĝis.

Konkrete, la problemoj aŭ aferoj kiuj tiam plej prizorgigis kaj dividis la hispanojn estis la religia, la socia, la regionisma kaj tiu de la milito en Maroko. El la regad-periodo de Canalejas restis iu ne-solvita afero kun la Eklezio. Tiu ministro volis limigi kaj kontroli la agadon de la religiaj kongregacioj, Tiucele li sukcesis ke la Parlamento aprobu, en 1910, iun leĝon, konatan kiel la Leĝo de la Pend-seruro, per kiu oni malpermesadis la


Grafo Romanones


Eduardo Dato


Manuel García Prieto

| *Registar-Prezidento* | *ekde* | *ĝis* |
|---|---|---|
| Manuel García Prieto | 12-novembro-1912 | 14-novembro-1912 |
| Grafo Romanones | 14-novembro-1912 | 27-oktobro-1913 |
| Eduardo Dato | 27-oktobro-1913 | 9-decembro-1915 |
| Grafo Romanones | 9-decembro-1915 | 19-aprilo-1917 |
| Manuel García Prieto | 19-aprilo-1917 | 11-junio-1917 |
| Eduardo Dato | 11-junio-1917 | 3-novembro-1917 |
| Manuel García Prieto | 3-novembro-1917 | 22-marto-1918 |
| Antonio Maura | 22-marto-1918 | 9-novembro-1918 |
| Manuel García Prieto | 9-novembro-1918 | 5-decembro-1918 |
| Grafo Romanones | 5-decembro-1918 | 15-aprilo-1919 |
| Antonio Maura | 15-aprilo-1919 | 20-julio-1919 |
| Joaquín Sánchez de Toca | 20-julio-1919 | 12-decembro-1919 |
| Manuel Alonsosalazar Muñoz | 12-decembro-1919 | 5-majo-1920 |
| Eduardo Dato | 5-majo-1920 | 8-marto-1921 |
| Gabino Bugallal Araújo | 8-marto-1921 | 13-marto-1921 |
| Manuel Alonsosalazar Muñoz | 13-marto-1921 | 14-aŭgusto-1921 |
| Antonio Maura | 14-aŭgusto-1921 | 8-marto-1922 |
| Manuel García Prieto | 8-marto-1922 | 13-septembro-1923 |

kreadon de novaj religiaj ordenoj ĝis kiam oni aprobos iun Leĝon de asocioj aŭ estos pasintaj du jaroj sen ties prezentado en la Parlamento. Ĉi tiu ĝena situacio estis fine solvita de Grafo Romanones, rekte negocante kun Romo.

La socia problemaro daŭre restis pli akra ol ĉiam antaŭe, sed oni devas distingi ĉi tie la situacion de la industriaj zonoj el tiuj kiuj daŭre dependis de la agrokulturo. En la alte industriigitaj regionoj la registaroj ne disponis je amplesa manovr-kapablo por arbitracii en la konfliktoj inter burĝaj entreprenistoj posedantaj la propraĵon kaj la kontrolon de la produktad-rimedoj kaj iu laboristklaso organizita kaj enkadrigita en potencaj sindikatoj kiel la socialista UGT kaj la anarkiista CNT. Oftis la strikoj, multfoje kun perforto, kaj en la kazo de la anarkiistoj abundis la terorismaj politikaj atencoj.

Post la t. n. "Tragika Semajno", kiu tiome timigis la katalunan burĝaron, la regionismo sin tenis diskrete. Sed, baldaŭ ĝi reakiris sian impetan agresemon. La plej elstara figuro kiu tiam enkarnigis la voĉon de la katalunismo en la parlamentejo estis Francisco Cambó, tre inteligenta kaj kapabla homo. La ideo konkretigi kaj oficialigi la regionismajn aspirojn per iu federacio kiel tiu projektita de Maura estis reprenita poste de Canalejas, kiu atingis la aprobon de la koncerna leĝo en 1912 fare de la Parlamento, sed estis Dato tiu kiu promulgis ĝin per iu dekreto post unu jaro. Konstituita la kataluna federacio kaj elektita ties prezidento Prat-de-la-Riba, povis ĉi tiu plenumadi ĝis sia morto profitan agadon serve de la regionaj interesoj. Tiu politika spertado kontribuis plifirmigi ĉe ampleksaj sektoroj de la kataluna loĝantaro senton pri sia propra identeco kaj emon al al plej alta grado je aŭtonomeco kaj eĉ sendependeco.

La registaroj de tiuj jaroj devis alfronti ankaŭ la problemaron rilate al la militistaj operacioj en Maroko. Tiuj operacioj pliintensiĝis en la ĉirkaŭaĵoj de Melilo. Post la granda sangoverŝado de la jaro 1909 en la t. n. Lup-ravino, la hispanaj trupoj sukcesis plifortiĝi en diversaj strategiaj lokoj por certigi la sekurecon de Melilo-urbo kaj kiel bazo por estontaj operacioj. En la jaro 1911, estante Canalejas registrar-prezidento, estis okupitaj, pere de elmaraj operacioj, Laraĉo kaj Alkazarkiviro, kaj far de iu militista korpuso, la zono ĉirkaŭ Ceŭto. En la jaro 1912 oni entreprenis diplomatiajn demarŝojn rilate al tiu Afrika milito. Sur firmaj bazoj estis negocita tiujare la franc-hispana intertraktato kiu asignis al nia lando la "Protektotorato" (kontrolo) de la nordo de Maroko, t. e. iu terzono mezuranta 28.000 kvadratajn kilometrojn, dum Francio aljuĝis al si la centran kaj sudan terzonojn, 572.000 kvadratajn kilometrojn. Ekde tiam la militistaj operacioj de okupado de Maroko daŭris, kaj en kio rilatas al Hispanio estas menciinda, kiel plej grava fakto, la konkeradon de Tetuano fare de generalo Alfau en la jaro 1913. Ĉi tiu afrika aventuro vekis la rifuzon de la hispana loĝantaro, ĉefe de ĉi ties plej malaltaj sociklasoj, kiuj devis provizi la kanon-furaĝon, t. e, la soldatojn kiuj devis batali kaj morti tie favore al la koloniismaj interesoj de la burĝaj investantoj. Dume ĉi lastaj ne atingis grandan profiton en tiu milito ĉar la teritorio asignita al Hispanio estis tre malriĉa. Sed la plej fia sekvo de tiu aventuro estis la formiĝo de iu militista klastavolo, al kiu oni nomis "afrikanista", kiu ludus estontece malfeliĉan rolon en la hispana politiko.


La Reĝo Alfonso la 13a

Se la registaroj de tiu epoko kondutis malprudente en kio rilatas al la milito en Maroko, decas agnoski ke ili saĝe tenis la landon for de la kolosa konflikto kiu kondukis al la memdetruado de Eŭropo de la jaro 1914 al 1918. Nia lando, ja, restis neŭtrale dum la Unua MondMilito. Kaj tio alportis grandan profiton al la landa ekonomio. Hispanio, ja, komercadis, de neutralecaj pozicioj, dum la militaj jaroj, kun ĉiuj militantaj landoj, kaj tio en epoko kaj cirkonstancoj favoraj por la vendantoj antaŭ la urĝa neceso de la aĉetantoj… Rarafoje en la historio, tiam nia lando havis saĝan politikon dum la mondo agadis freneze. La amasa eksportado de krudmaterialoj, produktaĵoj de terkulturo, bestbredado kaj industrio igis ke grandaj monsumoj venis al la poŝoj de la riĉposedantaj klasoj sed dume provokis plialtiĝon de la prezoj de la konsumaj varoj, kiuj kreskis pli rapide ol la salajroj, kaj tio provokis socian malkontenton kaj problemaron kiuj manifestiĝis jam antaŭ la finiĝo de la MondMilito, konkrete en la jaro 1917.

# La ŝtorma jaro 1917 kaj ties sekvoj



Al la malstabileco de la registaroj kaj la senefiko de la Parlamento aldoniĝis io, kio jam estis montrinta minacajn signojn en la antaŭa etapo; la krizo je aŭtoritato, la trudado sur la publika povo fare de kolektivoj kaj grupoj, kaj la taktiko de la perforto. La fama, tiutempa, filozofo Ortega-y-Gasset difinis tiun situacion kiel influita de iu partikulareco en kiu ĉiu grupo sin sentis kiel parto kaj, sekve, ĉesas kunhavi la sentojn de la ceteraj… Ĉiu aparta grupo kaj klaso emis tujan altrudon pere de rekta agado. Verdire, la soci-politika agitado de tiu jaro en nia lando iamaniere respeguladis la revolucian etoson tiam reganta en Eŭropo, ĉefe en Rusio kie okazis la falo de la Caro en februaro kaj venkis bolŝevistan revolucion en oktobro.

En Hispanio, la plej grava problemo tiam aperinta estis tiu de la t. n. **Militistaj Defend-Komisionoj**. La kaŭzoj kiuj estigis ĉi tiun strangan movadon de armea sindikatismo naskiĝis el la malkontento okazigita de la grandnombro da oficiroj, la malgrandeco de la salajroj de la armeanoj, la favorismo aplikita en la aljuĝado de rekompencoj kaj altrangigoj, samkiel la neegaleca trakto al la diversaj armeaj korpusoj. La rezulto estis la ampleksa movado de la **Militistaj Defend-Komisionoj**, kiuj trudis al la registaroj sian kriterion kaj intertraktadis kun ili kiel sampotencaj entoj. La ekzemplo etendiĝis al aliaj korpusoj, pretaj altrudi siajn interesojn al la publika povo. Oni konstituis Komisionojn de sub-oficiroj, serĝentoj, kaj de publikaj funkciuloj de la Ŝtata Financo-Servo, de la Poŝt-Servo kaj Telegrafoj... Sed vere danĝeraj estis la militistaj pro tio ke ili havis grandan nombron da apogantoj kaj signifis minacon por la civila povo kaj la landa sekureco. La registrar-Prezidento, Manuel García Prieto, volis igi sin respekti de la **Militistaj Komisionoj** perforte, provokante tiamaniere sian propran falon. Male, sia sukcedanto, Eduardo Dato, kiu estis koninta la staton de perturbo de la proletaraj organizaĵoj paktis kun ili kaj publike agnoskis ilin.

Asembleo de Parlamentanoj: La dua grava problemo estis la Asembleo de Parlamentanoj. Dato, antaŭ la graveco de la situacio, tenis malfermitaj la Kortesoj. Tial, la Kataluna Ligo kaj ties estro, Francisco Cambó, postulis la tujan malfermon de la Parlamento. Tial ke la respondo estis nea, Cambó volis ripeti la antaŭan movadon de la kataluna solidareco, sed landskale, io kvazaŭ ia hispana solidareco, kiu metu finon al la politika falseco de la hispana vivo kaj la paktita alternado de la konvenciaj partioj por alfronti, kun la vera apogo de la publika opinio, la gravajn problemojn de la lando. La plano de Cambó celis tujan kunvenon de Konstituciaj Kortesoj. Kvankam la registaro deklaris ribela la Asembleon de Parlamentanoj, ĉi tiu kun-

venis en Barcelono, kun ĉeesto de deputitoj kaj senatanoj el la plej diversaj partioj, ekde la karlistoj ĝis la socialistoj, kvankam kun la notinda foresto de la sampartianoj de Maura. La Asembleo faris sian depostulojn en ordo.
Revolucia striko: Sed ĉi tiu vera politika skuigilo, ebla sav-rimedo de la reĝimo, fiaskis kiam, post malmultaj tagoj, ekestis revolucia ĝenerala striko. La registaro sufokis la ribelon kun la apogo de la Armeo kaj restarigis la ordon; sed reage kontraŭ la laborista iniciato, la asembleista fronto, majoritate burĝa, rezignis ĝian konstitucian celon por apogi la sociekonomian sistemon. Temis pri tipa reago de la burĝaro kiu perfidas sian propran politikan progresismon kiam ĉi tiu povas veki la sociajn depostulojn de la proletaro.
Fiaskinta la provo renovigi la strukturon de la Monarkio kaj la ŝtato, starigante veran parlamentan sistemon, kun aŭtonomio por la regionoj kaj ia alireco de la maldekstraro al la politika demarŝado, la registaro plu dronis en la senefikon, tute for de la landa realo, vane intencante alfronti la multajn problemojn senĉese aperantajn. La disrompiĝo de la partioj de la reĝimo igis necesaj la koaliciajn registarojn, kiuj ne sin distingis pro ilia efiko. Estis krizo ne de la sistemo sed de la reĝimo. La registaroj sin turnantaj de 1918 al 1923 iradis sendirekte, sen plia politiko ol tiu de urĝostato. Estis ega politika malstabileco: dum tiuj jaroj okazis en Hispanio tridek registaraj krizoj.
En 1918, antaŭ la graveco de la situacio, la reĝo Alfonso la 13a per sia propra demarŝado, sukcesis formi iun nacian registaron prezidita de Antonio Maura kaj konstituita de la estroj de ĉiuj parlamentaj frakcioj (Dato, García Prieto, Romanones, Cambó, Ventosa, Alba…), kiuj entreprenis gravan leĝodonan kaj regan taskon, kvankam la daŭro de la kabineto estis efemera. En tiu malfacila etapo regadis García Prieto kaj Romanones de la liberalista partio, kaj Maura, Sánchez de Toca, Allendesalazar, Dato kaj Sánchez Guerra de la konservativa partio. La plej gravaj problemoj kiujn devis alfronti tiuj kabinetoj daŭre estis la regionismo, la socia situacio kaj la milito en Maroko.
La kataluna afero denove pliakriĝis en la jaro 1918. Komisiono de parlamentanoj redaktis la bazojn de iu statutaro pri aŭtonomio kiu estis prezentita al la registrar-Prezidento, García Prieto, por ties studado kaj posta diskutado en la kortesoj. La teksto estis sufiĉe radikala kaj vekis la rifuzon de la ceteraj regionoj de la lando. Je la prezentado de la projekto en la Parlamento, Cambó konstatis ke tie la ĝenerala teniĝo estis kontraŭa al la kataluna iniciato, tial li decidis retiri la regionisman malplimulton. De tiam estis malakordo en la agado. Dum la registaro subgvide de grafo Romanones nomumis, en 1919, eksterparlamentan komisionon por studi eblajn solvojn, la Kataluna Federacio agadis ribele pretigante Statutaron kaj prezentante ĝin al la aprobo de la municipoj de la regiono. Cambó prezentis lastfoje en la Parlamento la katalunan problemon; li akre rifuzis la informon de la Komisiono kaj kromanfoje deklaris ke la kataluna problemo ne estis pri malcentralizado sed pri suvereneco. Romanones respondis ke la registaro estis preta koncedi la projekton ellaboritan de la Komisiono, sed ne preterpasante ĝin.
Sed tiu afero de la naciismo restis senŝanĝa kaj kiel duaranga problemo ĉar en Katalunio mem estiĝis pli grava problemo: la socia problemo en tiu regiono fariĝis pli akra ol la aŭtonomisma. La anarkiismo estis tre aktiva tiam en la tuta lando: en 1921 estis atenc-murdita la tiama registrar-Prezidento, Eduardo Dato. La anarkiistaj atencoj estis speciale multenombraj en Barcelono ĉefe kontraŭ la entreprenistoj, kaj estis ankaŭ perforta batalado inter la membroj de la diversaj sindikatoj.
Al ĉio ĉi aldoniĝis la malbonaj rezultoj de la militaj operación en Maroko. La hispana militista interveno en tiu teritorio cele pacigi la Rifan terzonon ne estis interrompita dum tiuj jaroj spite al la forta rezisto de la tieaj enloĝantoj. La hispanaj trupoj antaŭeniradis en la regionon nur pere de intensa batalado. En la jaro 1921, okazis neatendita katastrofo por Hispanio en tiu milito. La neglekto de la regantaro, la eraroj en la dispono de la militaj operacioj kaj la troa konfido de Generalo Silvestre provokis la militan katastrofon de Annual kaj la falo de la tuta fronto antaŭ la lerta strategio de la rifa gerilestro Abd−el−Krim.
Sekve de tiu katastrofa malvenko de Annual perdis Hispanio, krom grandkvanton da milita materialo, ankaŭ 14.000 soldatojn, inter mortintoj kaj milit-kaptitoj far Abd−el−Krim, kaj falis sub la kontrolo de la rifa militestro la lokoj Dar Drius, Batel, Monte Arruit kaj Nador. Melilla restis en tre danĝera situacio fronte al la malamiko.
Antaŭ la graveco kaj amplekso de la malvenko la lando ricevis egan skuon kaj impreson. Ekde tiam la milito de Maroko estis la koŝmaro de ĉiuj hispanaj registaroj. La katastrofo kaj la postuloj pri la klarigo de ĝia respondeco estis afero senĉese uzita de la opozicio. La hispana militministro ordonis esploron. Subgvide de Juan Picasso González, la komisiono alvenis al la konkludo, ke okazis multaj milit-strategiaj eraroj, sed oni ne kulpigis la reĝon Alfonson la 13an, kvankam diversaj fontoj montris, ke la reĝo kuraĝigis la generalon Silvestre al la ofensivo de Annual. La krizo subfosis la prestiĝon de la monarĥio.

laboradon inter la radikalista partio kaj la **CEDA**, kaj samtempe provokis kontraŭdirojn kaj dividon inter la malsamaj sektoroj de la dekstrara koalicio. Gil Robles provokis novan registaran krizon en aprilo de 1935 celante pliigi sian povon. La okazo estis maloportuna. Kiam Lerroux kaj la Prezidento de la Respubliko volis amnestii la asturan socialistan deputiton González Peña, kiu estis mort-kondamnita pro ties interveno en la Oktobra Revolucio, Gil Robles ordonis al la ministroj de la **CEDA** voĉdoni kontraŭ tiu dispono kaj tiamaniere provoki la registaran krizon. Dum unu monato regis iu ministraro kiu havis nur teknikan signifon dum la du partioj de la reganta koalicio pridiskutadis novan formulon de interakordo. Fine Lerroux formis novan registaron en kiu la partopreno de la **CEDA** estis eĉ pli granda ol en la antaŭa: kvin ministroj, inter kiuj estis Gil Robles mem. Tamen eĉ kun tiu pligrandigita povo la dekstraro ne sukcesis plenumi la du reformojn kiuj ĝi celis: la konstitucia kaj la pribalota. Se la maldekstraro estis malsukcesinta intencante promocii eksterleĝan, revolucian solvon, la dekstraro fiaskis en la laŭleĝa realigado de siaj politikaj postuloj. Aliflanke kreiĝis ia abismo inter la Gil Robles kaj la Prezidento de la Respubliko, kiu pli kaj pli estis timanta la plifortiĝon de la povo de la lidero de la **CEDA**. En la terenoj en kiuj la agado de la nova registaro ne estis sterila ĝi estis kontraŭsocia, kio ne kontribuis plifortigi la simpation de la amasoj al tiu regantaro. Grava problemo de la socio daŭre estis la alta grado je senlaboreco.


Alejandro Lerroux


José María Gil Robles

Al ĉiu-ĉi problemaro aldoniĝis la eksplodo de administraj skandaloj de la radikalistoj. El nova registara krizo, krome komplikita pro la troa interveno de la Prezidento de la Respubliko, eliris nova regantaro gvidata de Chapaprieta, ĝistiama ministro pri Financoj. Tiu-ĉi nova registar-prezidento estiu nur homo de la Prezidento, kiu trudis lian nomumon, sen ia ajn apogo de iu el ambaŭ partioj de la koalicio. Tiom da krizoj kaj la manko de fakta registara laboro estis anoncante la finan kolapson de la koalicio radikalist-cedista, sed la vera drono de tiu politika formulo venis okaze de la publika ek-kono de la administra koruptado de la radikalistoj. La unua skandalo okazis en oktobro de 1935.Temis pri la afero de du fremdaj friponoj (Strauss kaj Perl) kiuj, kun la apogo de influopovaj radikalistoj, organizis iun tipon je trompa ruleto-ludo. El la nomoj de tiuj du ekster-landanoj –***Strauss*** kaj ***Perl***– formiĝis tiam en la hispana lingvo nova vorto, kiu restis sufiĉe uzata ĝis la nuntempo, –***estraperlo***– kun la signifo de "trompo", "fraŭdo", "nigra merkato", "kaŝ-komerco"…

Al la malakordo inter ambaŭ partioj de la reganta koalicio aldoniĝis ankaŭ malakordo kaj kvereloj interne de ambaŭ partioj la radikalistoj kaj la **CEDA**. Fine, en novembro de la jaro 1935 aperis nova kaj pli grava kazo de administra koruptado de la radikalistoj, kaj tio estis la definitiva bato al la jam mortanta koalicio radikalist-cedista. Chapaprieta devis demisii en decembro de 1935. La nova krizo prezentis la eblecon, ĝis tiam nepensebla, ke Gil Robles fariĝu registar-prezidento, sed tiu solvo ne povis konkretiĝi pro la absoluta rifuzo de Alcalá Zamora, Prezidento de la Respubliko, kiu estis tute ne akordigebla kun la lidero de la **CEDA**. Kiam Gil Robles petis la povon por li mem Alcalá Zamora troigante pluanfoje en siaj konstitucia funkcioj preferis elekti nekonatulon por gvidi registaron. Ŝajnas ke la lidero de la **CEDA** kontemplis tiam la eblecon puĉi kontraŭ la respublika leĝeco kaj tiucele li konsultis kelkaj arme-estrojn.

Do, estris du sinsekvajn registarojn, laŭ decido de la Prezidento, Portela Valladares, kiu eĉ ne estis parlamentano. Oni mendis al li krei kaj organizi centrisman politikan forton, sed tio jam ne eblis en la tiama politika situacio de la lando kaj oni devis eksigi la Parlamenton kaj kunvoki novan balotadon. La bilanco de tiu dua jarduo de la Respubliko estis sterileco kaj malstabileco. Pri la sterileco kulpis la partioj de la reganta koalicio: radikalistoj kaj la dekstraro, kaj pri la malstabileco kulpas, ĉefe, la opozicio, la maldekstraro, kiu ribelinte kontraŭ la respublika leĝeco provizis pravigajn argumentojn al la reakciularo kiun ĝi volis kontraŭstari.




La ĝenerala balotado de februaro de la jaro 1936 okazis estante Registar-Prezidento Portela Valladares. Por kompreni la rezulton de tiu balotado estas necese koni la politikajn fortojn kiuj kontraŭfrontiĝis tiam.

Pri la Socialista Partio oni devas rimarkigi ke la alveno de la Dua Respubliko alportis al ĝi grandan kreskon dum malgranda tempodaŭro (1.041.000 aliĝintoj en 1932) fariĝinte la unua socipolitika forto en la lando. La anarĥiista sindikato CNT havis 800.000 membrojn fine de 1931. Unu el ĉiu kvar laboristoj estis senlaborulo. Tio-ĉi eksplikas la tiaman radikaliĝon de la bazo de la partioj kaj la sindikatoj. Tiu radikaliĝo okazigis, interne de la Socialista Partio, la aperon de diversaj tendencoj kiuj malsimilis inter si pri la grado je batalemo kaj kontraŭstaro al la kapitalisma sistemo. Besteiro lideris la plej moderan el la tri sektoroj en kiuj dividiĝis la partio. La aliaj du sektoroj estis gvidataj de Prieto kaj Largo Caballero. Ĉi lasta, kvankam tre ŝanĝiĝema, estis la plej radikala. Li tre klopodis la implikiĝon de la Socialista Partio en la Oktobra Revolucio de 1934. Ene de la plej radikala socialista sektoro elstaris la junularo de la partio. Fakte, tiu junularo, subgvide de Santiago Carrillo, entreprenis, en aprilo de la jaro 1936 sian unuiĝon kun la komunista junularo.

La anarkiista sindikato CNT daŭre havis tiam grandan membraron sed, unuafoje en la historio, la membraro de la socialista sindikato UGT estis pli granda, kaj krome la nebatalema pozicio de la CNT dum la Oktobra Revolucio (kun la escepto de Asturio) montris ke la anarkiistoj perdis ankaŭ la socian liderecon de la revolucia radikalismo. Krome konsiderinda parto el la anarkiistaj aktivuloj, lideritaj de Andrés Nin, fariĝis membroj de la tiam kreskanta Komunista Partio.

Ĝis tiam la komunista membraro estis sufiĉe malgranda kaj tre sektisma. Dum tuta jardeko, ekde la fondiĝo de la partio en 1920 la KP penis superi tiun karakteraĵon kaj estis nur sub la partia gvidantaro José Díaz, Dolores Ibárruri…, kiu anstataŭis tiun de Bullejos, kiam la komunista organizaĵo fariĝis sufiĉe alloga por esti referaĵo de la maldekstra sektoro de la Socpartio. Ekde la somero de 1934 la komunistoj komencis proponi sinceran politikon de paktoj kun aliaj organizaĵoj. En la jaro 1931 la Kompartio atingis nur 60.000 voĉdonojn kaj en 1933 estis jam 400.000 kaj atingis unu deputiton. La kompleta unuiĝo de la partioj Socialista kaj Komunista okazis nur en Katalunio.

Rilate al la dekstraraj politikaj fortoj, la influo de la ekstrema dekstraro en Hispanio ĉiam estis forta, sed la faŝista tipo estis ankoraŭ malgrava ĝis la komenciĝo de la jaro 1936. La falangista partio, liderita de José Antonio, filo de la diktatoro Miguel Primo-de-Rivera, havis influon dum ĝiaj komencaj jaroj nur en la gestudentaj medioj. Poste tiu partio ege kreskis ĉefe post sia unuiĝo kun kelkaj aliaj similaj organizaĵoj. Tiu falangista partio tre estis imitanta, ĉefe en la liturgiaj gestoj, de la itala kaj germana faŝismoj sed kun ia katolika komponaĵo pli akcentita. Oftis perfortaj incidentoj de membroj de tiu partio kun maldekstruloj. En la balotado de 1933 la falangista partio atingis du deputitojn.

En la hispana dekstraro estis ankaŭ monarkiismaj organizaĵoj. Krom la karlismo neniam tute malaperinta, estis krome la partianoj de la borbona dinastio reĝinta ĝis aprilo de 1931. La inklino al tiu politika pozicio estis speciale forta inter la militistaro. Sed plejparto el la fortoj de dekstraro daŭre estis enkadrigitaj, komence de la jaro 1936, en la CEDA-koalicio.

Por kompletigi la kadron de la politika situacio en Hispanio kiam estis kunvokita nova ĝenerala balotado, oni devas mencii ke Azaña aranĝis politikan formacion "Respublikista Maldekstro" kun influo en burĝaj intelektularaj sektoroj, kaj ke Martínez Barrio kreis similan organizaĵon nomatan "Respublikista Unio" kies politika klientaro estis ĉefe devenintoj el la radikalista partio elreviĝintaj de Lerroux pro ĉi ties kunlaborado kun la CEDA. Kvankam ĉi lastaj du partioj estis sufiĉe similaj estis inter ili granda diferenco en kio koncernas al la preteco kunlabori kun la socialistoj. Ja, tiu kunlaborado estis nepra por Azaña sed Martínez Barrio ne inklinis al ĝi, eĉ se poste li cedis.

Menciendas ankaŭ ke Andrés Nin kaj ties komunistaj eks-anarkiistaj sekvantoj, reage al la stalinismo de la hispana Kompartio forlasis ĝin kaj fondis apartan, trotskisman, rondon, nomatan POUM.

En grandaj publikaj mitingoj Azaña postulis la kunlaboradon kun la socialistoj. Dume ankaŭ la komunistoj postuladis kunlaboradon de ĉiuj politikaj fortoj de maldekstraro. Ene de la socialistaj vicoj, unue Prieto kaj poste ankaŭ Largo Caballero akceptis tiutipan kunlaboradon. Tiamaniere oni avancis al pribalota koalicio kiu baldaŭ alprenis la nomon de "Popola Fronto". Eĉ tiuj anarĥiistoj kiuj neniam estis voĉdinintaj, komprenis la neceson apogi balote la maldekstraron kontraŭ la faŝismo kaj la CEDA. En la pribalota kampanjo la Popola Fronto emfazis la neceson de la venko de maldekstraro por efektivigi la liberigon de la arestitoj okaze de la Revolucio de 1934. En tiaj cirkonstancoj la

Popola Fronto rezultis esti la plej taŭga ilo por atingi pribalotan venkon, kvankam poste rezultus ne tiel taŭga por plenumi la regadon. Tiu koalicio kapablis unuigi fortojn tre heterogenajn ne malkovrante la realajn diferencojn de la komponaĵoj. Ja, ne okazis interakordo inter partioj tiel malsimilaj kiel ties de Martínez Barrio kaj la POUM, sed okazis ke la respublikistoj interakordis kun la socialistoj kaj siavice ĉi tiuj faris la samon kun la grupoj meldekstre de ili. Neniam ekzistis, dum la balotkampanjo, lokaj komitatoj de la Popola Fronto kiuj montrus nereversigeblan unuiĝon, kaj ankaŭ ne mitingoj en kiun oni puvus konstati la egajn diferencojn inter, ekzemple, Nin kaj Azaña. La pribalota programo rezultis esti katalogo de diferencoj inter la respublikista kaj tiu pli maldekstra en tre esencaj aferoj kiel la agrara reformo aŭ la publika ordo, sed, almenaŭ kompare kun tio okazanta en la dekstraro ĝi estis vera resumo de regadcelo, nur iomete pli progresista ol tiu de la periodo 1931-1933. Azaña ne hezitis sin proklami burĝulo, kaj foje li evitis la esprimon "Popola Fronto" kaj preferis tiun pli ĝeneralan de "maldekstra koalicio".

Laŭlonge de la balotkampanjo, la maldekstraj kandidatoj, esceptante tiujn de la sekvantoj de Largo Caballero, estis sufiĉe moderaj kaj ŝajnis ke ili estis je la defensivo kontraŭ la reakciularo. Eble ili ne kredis je la ebleco atingi la balotan venkon kiun ili fakte atigis. La rapida ellaborado de la kandidataroj kaj la disciplino kun kiu ili estis akceptitaj evitis la disiĝon de la maldekstrara voĉdonaro kiu okazis en la dekstraro.


Manuel Azaña

La situacio de ĉi tiu, ja, estis tre malsimila. La sperto el la dua jarduo montris al la diversaj fortoj enkadrigitaj en la CEDA ke la diferencoj inter ili estis tre gravaj. La ellaborado de iliaj kandidataroj estis tre komplika. Gil Robles hezitis inter alproksimiĝi al la fortoj de ekstrema dekstraro aŭ tiuj pli moderaj. Fine li aranĝis akordon kun la tiama Registrar-Prezidento, la centristo Portela Valladares. Ellaborante la kandidatarojn ne eblis kontentigi la monarkiistojn kaj la falangistojn.

La balota rezulto konstituis kompletan surprizon. Konsiderante la voĉdon-nombro, Hispanio aperis en februaro de 1936 dividita en du tendencojn simile grandaj, sed la parlamenta rezulto ne respegulis tiun ekvilibron, sed asignis konfortan plimulton al la Popola Fronto. Portela Valladares demisiis kiel Prezidento de la Registaro ne atendante, kiel li devus, la malfermon de la nova Parlamento. Por anstataŭi lin tuj estis nomumita Azaña, kiu, ĉi foje, havis pli da fidelaj parlamentanoj ol dum la unua jarduo.

Dum la balotado kaj en la procezo de asignado de parlamentaj aktoj estis incidentoj kiuj rezultas malfacile kompreneblaj por la nuntempuloj. Oni devas konsideri ke en tiu epoko ne ekzistis io simila al la nuntempaj identkartoj por certigi la identecon de la voĉdonantoj. En tiu balotado de 1936, same kiel en ĉiuj antaŭaj, voĉdonis multaj mortintoj, kaj estis malregulaĵoj ankaŭ en la distribuo de la parlamentaj akredit-dokumentoj. La kacikismo kaj ĉi ties metodoj estis planto malfacile elradikigebla dum multe da tempo en nia lando. Ĉi-foje, tio kaj la sekvaj disponoj de la registaro tro kontribuis venenigi la interrilatojn de la du politikaj sektoroj en kiuj dividiĝis la hispana socio. La registaro amnestiis la asturajn revoluciulojn de 1934 sed ne la militistojn kiuj eksterleĝe agadis perforte en tiu okazo. La Prezidento de la Respubliko mem estis alia viktimo de la sektismo de la regantoj de la Popola Fronto. Alcalá Zamora konfliktis kun la registaro pro iu afero ne tro grava. La gvidantoj de la Popola Fronto povis pensi ke la Prezidento pretis kontraŭbatali ilin kaj decidis elpostenigi lin. La uzita proceduro por tion fari ŝajnas ne klare laŭkonstitucia. Multaj membroj de la Popola Fronto ne aprobis tiun metodon sed ili faris nenion por eviti ĝin. La ĉefa responsulo de tiu decido estis Azaña, kiu anstataŭis Niceton kiel Prezidento. Tio solvis neniun problemon sed tute male, malplibonigis la politikan situacion de la lando. Iompostiom la publika ordo malboniĝis; abundis la perfortaj atencoj fare de la plej ekstremistaj grupoj de la dekstraro kaj maldeskstraro.

Kiel Prezidento de la registaro estis elektita Casares Quiroga, amiko de Azaña. Lia regad-etapo karakteriĝis pro nekapablo alfronti la problemojn de la lando, ĉefe tiu de la socia kunvivado. La registaro decidis ŝanĝojn de armeaj estroj pri kies fideleco al la Respubliko ĝi ne fidis, ekzemple, la Generalo Franko estis destinita al la garnizono de Kanariinsularo. La Kataluna aŭtonomeco estis restarigita sed la priaŭtonomecaj postuloj –eĉ en regionoj kie antaŭe ne estis tiutipaj zorgoj– preterpasis la kapablon de la registaro –kaj eĉ de la sistemo mem– plenumi ilin.

La etoso de socia interfrontiĝo kaj la sento de danĝero de militista puĉo kontraŭ la Respubliko generis ian militistigon de la politikaj organizaĵoj. Ja, preskaŭ ĉiuj amasorganizaĵoj pretis krei militistecajn taĉmentojn. La karlistoj, kun longa sperto en tia agado, havis jam en 1932 proksimume 25.000 membrojn enkadrigitajn en tiaj batalpretaj organizoj. La komunistoj en 1936 havis preskaŭ 4.000 aktivulojn en sia milico. Ankaŭ la socialistoj komencis organizi sian milicon en 1932, kaj io simila okazis kun aliaj socipolitikaj fortoj; anarkiistoj, falangistoj… Verdire, ĉiuj-ĉi armitaj taĉmentoj havis kapablon nur por perturbi la publikan ordon, ne por alfrontiĝi kontraŭ la armeo. Sed la perturbado de la publika ordo fariĝis vera problemo de socia kunvivado. La interfrontiĝo de la armitaj taĉmentoj de la dekstraro kaj maldekstraro okazigis en la unuaj monatoj de la regado de la Popola Fronto proksimume 350 mortigitojn, sufiĉe supera al la nombro de 200 mortigitoj okazinte en Italio antaŭ la alpreno de la povo far Mussolini. Krome en la kazo de Hispanio oni devas aldoni la antaŭajn politikajn viktimojn, tiujn de la Revolucio de 1934 kaj ĉi ties sufokigo. Laŭ la

pasado de la semajnoj la spiralo de la socia perforto ŝajnis nehaltigebla. Krome la politikaj murdoj estis akompanitaj de detruado, ĉu de preĝejoj en la kazo de la maldekstrara perforto, aŭ de agrokulturaj maŝinoj de okupitaj farmoj en la kazo de la faŝismaj atencoj.
Ja, la perforto estis efektivigita de ĉiuj politikaj tendencoj. La amasoj de la Popola Fronto bruligadis preĝejojn kaj ĵurnalejojn kaj sidejojn de la dekstraro, dum la falangistoj metis bombojn en sindikatajn ejojn kaj intencis murdi elstarulojn kiel Jiménez-de-Asúa kaj Ortega-y-Gasset. Estas malfacile determini kiu estis la ĉe-fa kulpanto de tia perforto. Ĉiukaze ambaŭ perfortoj atestis pri la nekapablo de la registaro meti efikan solvon al ĝi. Estis ankaŭ kazoj de perforto blinda, spontana, fare de ne organizitaj amasoj.
En tiu kunteksto okazis la malleĝigo de la Falange kaj la aresto de ties lidero José-Antonio Primo-de-Rivera. Okaze de iu eksterleĝa okupado de farmo fare de kamparanoj la Civila Gvardio okazigis dekunu mortigitojn. Ĉiuj ĉi kazoj kontribuis pli kaj plu malbonigi la sociajn interrilatojn en la lando. En la politika tereno estis evoluo al la ekstremoj de ambaŭ flankoj. Multaj socialistoj aŭ senpartiaj laboristoj aliĝis al la Komunista Partio dum en la dekstraro la lidereco de Gil Robles malfortiĝis favore al la pli agresema Calvo Sotelo.
Estis en monato Julio kiam okazis la eventoj kiuj provokis la komenciĝon de la civilmilito. Unue estis murdita iu konata policisto de maldekstraro, la Leŭtenanto Castillo, kaj poste, kiel reago estis murdita, far ekstremistaj maldekstruloj, la deputito Calvo Sotelo. Malmultajn tagojn poste, la 17an de Julio, okazis la ekribelo de la armeaj trupoj en Maroko kaj sekvinttage multaj militistaj garnizonoj en la landa territorio agis same. Estis la komenciĝo de enlanda milito kiu meritas apartan pritrakton, kiun ni faros per sekva ĉapitro. Sed ĉar ĉi teksto estas prihistoria studo decas ke ni eltiru el ĝi ian instruon. Ni entreprenis ĉi studon de vidpunkto de la hispanaj konstitucioj, kaj ĝis nun nia raportado montris nur la senĉesan malsukceson de la enradikiĝo de la konstituciismo en Hispanio. Kiam ni alvenas al la fiasko de la Dua Respubliko, eĉ konsiderante kion multe influis en tiu procezo la tiama ekonomia krizo, ni devas tamen substreki la fakton, sufiĉe konstatitan, ke dum la preskaŭ unu jarcento kaj duono ĝis nun priraportita, oni ne perceptis en la hispana socio la ekziston de konstituciisma kulturo. Tio estas, tiel por la superregantaj klasoj kiel por la sociaj sektoroj kiuj celis kontraŭstari la klasan superregadon, la konstitucioj, kiam oni sukcesis starigi iun, ne estis konsideritaj kiel respektindaj leĝaj kadroj por la kunvivado sed nur kiel armiloj per kiuj damaĝi politikajn kaj/aŭ klasajn kontraŭulojn, kun preteco uzi, senecese, verajn armilojn samcele, eĉ kontraŭ la teksto kaj la spirito de la eventuale reganta konstitucio. En tia tereno malfacile povas kreski kaj disvolviĝi la plantoj de la konstituciismo kaj la demokratio.


Francisco Largo Caballero


Indalecio Prieto


Santiago Carrillo


José Calvo Sotelo


José Díaz


Dolores Ibárruri


Andrés Nin


José Antonio Primo de Rivera




La Civilmilito estis historia okazo en kiu Hispanio ludis protagonisman rolon en la mondo kaj altiris la atenton de la homaro. Neniu alia civila milito kun centmiloj da mortintoj estis okazinta en Okcidenta Eŭropo dum la lastaj jarcentoj.
Eble la konflikto ne estis ne-evitebla, tamen, estiĝinta ĝi, fariĝis decida faktoro de la estonteco de la lando. Iasence, la civilmilito (ties sekvoj) daŭris ĝis 1977 ĉar ekde 1939 ĝis la morto de la diktatoro, la karakteraĵoj de la hispana vivo estis markitaj de la rezulto de la civilmilito.
Grava faktoro de la konspiro kontraŭ la Respubliko estis la monarkistoj. Ĉi tiuj, ĉar ili ne havis apogon en la sociaj amasoj, organizis sian konspiradon ene de la militistaj medioj kaj kun fremda apogo, ĉefe de la Italio de Mussolini. Tamen, pli pretaj por la ribelo estis la tradiciistoj, t. e. la karlistoj, en la regionoj kie ili havis socian apogon. Alia faktoro de popola, ĉefe junulara, kontraŭrespublikismo estis la ***Falange***, kiu lasttempe estis tre kreskinta domaĝe al la klientaro de la **CEDA**. Ekde lia prizono en Alikanto, ĝia lidero, José Antonio, faris alvokojn agadi kontraŭ la reĝimo. Tamen la rilato de tiu partio kun la armeaj estroj ne estis tute bona. La politika katolikismo estis dividita inter tiuj kiuj volis resti ene de la leĝeco de la Respubliko kaj tiuj kiuj volis ĝin detrui.
Ŝajnas ke komence la militista ribelo ne iris kontraŭ la Respubliko mem sed kontraŭ la Popola Fronto. La celoj de la ribelintoj estis konkretiĝante laŭlonge de la trijara civilmilito. Kvankam ne partoprenis en la ribelo la tuta landa armeo, tamen ĝi havis pli grandan apogon ol ties de Sanjurjo en 1932. La ĉefaj militistaj ribelintoj apartenis aŭ estis iam apartenintaj al la garnizonoj de Afriko. La kunordiganto de la konspiro estis Generalo Mola ekde ĝia garnizono en Navaro.
Laŭ la planoj de la militistaj konspirantoj, la operacio kontraŭ la politikaj gvidantoj de la lando konsistus en io simila al puĉo efektivigota per la marŝado de kelkaj armeaj kolonoj al Madrido. Sed la reago de la amasoj en multaj lokoj en la lando igis fiaski la militistan ribelon en kelkaj regionaj garnizonoj kaj ebligis la mobilizon de armeaj unuoj kontraŭ la ribelo. Tio estigis la kondiĉojn por longdaŭra konflikto. Tio okazinta dum tri tagoj, —la 17a, la 18a kaj la 19a de la monato julio— montris ke la ribelo ne estis tute venkinta sed samtempe ankaŭ ne estis komplete sufokita.




Generalo Sanjurjo, tiam konsiderita la plej verŝajna gvidanto de la ribelo, mortis okaze de akcidento de la aviadilo kiu devis porti lin ekde lia ekzilejo en Portugalio. Do, jam dekomence la trupoj ribelintaj de la marokaj garnizonoj konsideris kiel sia naturan estron Generalon Franko-n, kiu iam estis gvidinta ilin en la koloniisma milito en tiu teritorio. Por alpreni la gvidadon de tiuj trupoj Generalo Franko sekrete forlasis sian garnizonon en Kanario-insularo kaj translokiĝis al la hispana zono de Maroko. La ribelo venkis tie kaj en aliaj lokoj en la lando, sed fiaskis en Madrido, Barcelono, Valencio, norda zono de Hispanio… En la lokoj kie la ribelintoj

fiaskis la kaŭzo estis la divido inter la armeaj trupoj kaj/aŭ la rapida reago de la laboristaj kaj civitanaj amasoj. Rezulte de la okazintaĵoj de tiuj tri decidaj tagoj la lando restis dividita laŭ montras la mapo kiu aperas en la antaŭa paĝo. Tiam Azaña nomumis kiel Prezidenton de la registaro Martínez-Barrio-n celante eviti la civilan interfrontiĝon sed estis jam tro malfrue por tio. Ĉar la militista ribelo ne ĉesis, la registaro devis transdoni armilojn al la amasoj por kontraŭbatali ĝin. Post la rezigno de Martínez-Barrio oni mendis la formadon de nova registaro al José Giral.
Generalo Quepo-de-Llano, bofilo de la antaŭa Prezidento de la Respubliko, Alcalá-Zamora, favore al la ribelintoj sukcesis kontroli sufiĉe da teritorio ĉirkaŭ Seviljo por ebligi la alvenon de trupoj el Maroko. Ĉi-tiuj, subgvide de Franko konstituis armean kolonon kiu antaŭenmarŝis norden celante atingi Madridon.
Sed tiam la ribela movado de parto el la armeo ne estis la sola problemo de la regantaro de la Respubliko. En la zonoj kie la ribelo ne sukcesis, la amasoj, krome tiam armitaj, estis ne kontroleblaj de la ŝtata povo… Laŭteorie tiuj amasoj bataladis favore al la legitimaj aŭtoritatoj sed dume ili ne obeadis tiun aŭtoritaton. Tiuj amasoj, por kontraŭbatali la faŝismon volis efektivigi sindikatecan revolucion. Paradokse, tiu faŝisma ribelo kiu celis eviti ne-verŝajnan revolucion, fakte, vekis kaj ebligis realan revolucion. Kiam estiĝis la revolucio kiel respondo al la dekstrara ribelo, ĝi rezultis nerenversigebla. La respublika povo ne povis sufoki ĝin kiel estis farite en 1934. La revoluciaj organismoj malpliigis la povon de la ŝtato sed dume anstataŭis ĝin en malfacilaj momentoj. Tamen, ili ne sukcesis konstitui efikan gvid-sistemon. Male ol estis okazinta en Rusio en 1917, en Hispanio en 1936 la revolucio ne generis unuecajn organismojn, kiaj la sovetoj, kapablajn tute anstataŭi la ŝtatajn instituciojn, sed estis diverseco de komitatoj aŭ organismoj kiuj malpermesis la funkciadon de unusola formulo kaj ne kreis disciplinon kiel tiu kiun Trotsky metis en la ruĝan armeon, sed kelkajn apartajn kaj foje interbatalantajn organizaĵojn kontribuante ruinigi la komunan celon: unu sindikatista forto, alia anarkiista, du komunistaj (**PCE** kaj **POUM**) kaj tri socialistaj respektive gvidataj de Largo-Caballero, Prieto kaj Besteiro, krom aliaj malpli gravaj. La registaro de Giral, do, restis kondamnita al iu radikala paralizo okazigita de situacio pri kiu ĝi ne kulpis kaj kiun ĝi ne povis superi. Ne estis pli forta la registaro de Largo Caballero kiu anstataŭis tiun de Giral la 4an de septembro. Kiam la armea kolono gvidata de Generalo Franko, post liberigi la sieĝitan kastelon (Alkazaro) de Toledo, estis alveninte al la proksimaĵoj de Madrido, Largo-Caballero decidis forlasi la ĉefurbon kaj translokigi la registaron al Valencio. Tiam, kelkaj ministroj estis devigitaj reveni al Madrido subminace de la trupoj defendantaj tiun urbon sed kiujn la regantaro ne kontroladis. En la respublikista zono multobliĝis la komitatoj kaj konsilioj konkurantaj kun la registaro kaj interkonkurantaj ili mem. La revoluciuloj estus povintaj anstataŭi la centran povon sed malebligis tion ilia interbatalado. La rezulto estis granda konfuzo kaj malordo, kaj nenia efiko en la batalado kontraŭ la faŝismo dum la unuaj monatoj de la milito. Sed krom tiu efiko sur la politika situacio kaj sur la disvolviĝo de la milito, la revolucio havis, ĉefe, sekvojn en la sociekonomia tereno. Okazis granda ekspropriigo de agrokulturaj bienoj, pli granda ol tiu okazinta dum la bolŝevista revolucio en Rusio, kaj oni efektivigis kolektivigon, t. e. kreadon de agrokulturaj komunumoj, ĉefe anarkiistaj, sed ankaŭ komunistaj kooperativoj kaj de la sindikato **UGT**. En iuj kazoj la kolektivigado estis paca kaj spontana sed estis ankaŭ perfortaj devigoj far la revoluciaj organizaĵoj. Durruti, la ĉefa anarkiista armeestro, pravigis tion dirante ke la armeoj rajtas vivi sur la tereno kiun ili konkeris. Estis ankaŭ ia kolektivigo en la industrio, precipe en Barcelono kaj Asturio, sed en malpli granda skalo ol en la agrokulturo. Aragono estis la regiono kie la agrokultuta kolektivigado estis pli granda. En grandparto el tiuj komunumoj estis nuligita la mono.



**Generalo Mola** **Queipo de Llano** **F. Franko** **Enrique Lister** **Durruti**

Tuj post la komenciĝo de la milito estiĝis ega perforto inter personoj de ambaŭ flankoj de la konflikto. La grandkvanto da elverŝita sango igis ke la civilmilito fariĝu nehaltigebla, malfermante egan abismon en la hispana loĝantaro. Ambaŭ partoj el la landa loĝantaro reciproke malamis kaj timis unu la alian. La senkompata intermasakrado efektiviĝis sen ia respekto, eĉ ne formala, al la leĝaro. Sed pri tiu perforto kulpis la personoj, ne la ideologioj: atestas pri tio la fakto ke ne mankis homoj, el ĉiuj politikaj teniĝoj, kiuj kondutis fratece rilate al siaj politikaj malamikoj.

En la teritorio kontrolita de la Popola Fronto la diverseco de politikaj entoj generis ankaŭ diversecon de subpremigaj organismoj. En Madrido ekzistis proksimume 200 eksterleĝaj prizonoj kaj torturejoj ligitaj al la politikaj partioj sed agante sen ia ajn kontrolo. En la teritorio de la faŝistaj fortoj, kvankam la politika aŭtoritato estis unueca ŝajnas ke ne mankis perforto kaj subpremado for de la kontrolo de tiu aŭtoritato. En tiu teritorio la viktimoj de la subpremado estis framasonoj, universitataj profesoroj, maldekstremaj instruistoj, dekduo da generaloj kiuj ne volis apogi la ribelon, respublikistaj kaj socialistaj parlamentanoj kaj eksparlamentanoj, provincestroj kaj urbestroj, kaj nekalkulebla nombro da nekonataj personoj. Dume, el la regionoj dependantaj de la Respubliko la viktimoj estis pastroj, monaĥoj, militistoj suspektitaj je faŝismo, dekstremaj politikistoj…

Estis rimarkinda la severa persekutado al la katolika pastraro en la zono de la Respubliko dum la unuaj du monatoj de la milito. Estis granda ankaŭ la nombro da bruligitaj kaj detruitaj preĝejoj, proksimume 20.000 religiaj konstruaĵoj. Kelkmilo da religiuloj, proksimume dek procento el la tuto, estis masakritaj laŭloge la milito. La procento kaj eĉ la nombro da mortigitaj klerikuloj kaj detruitaj temploj estis pli grandaj ol tiuj okazintaj dum la Granda Franca Revolucio (1789-1993) kaj la Rusa Revolucio (1917). Tamen ne temis pri religia persekutado sed pri politika reago al politika teniĝo de la Eklezia hierarkio. Ja, kvankam kun notindaj esceptoj, ĝenerale, la hispana katolika klerikaro, ĉefe ties hierarkio, klare kaj obscene enviciĝis kun la faŝistaj ribelintoj jam ekde la komenciĝo, —kaj eĉ antaŭe— de la civilmilito, al kiu atribuis karakteron de krucmilito. Cetere, tiu dekstrema teniĝo de la RomKatolika Eklezio ne estis novaĵo sed respondis al longa tradicio de tiu instituċio.



**Kvankam kun notindaj esceptoj, ĝenerale, la hispana katolika klerikaro, ĉefe ties hierarkio, klare kaj obscene enviciĝis kun la faŝistaj ribelintoj dum la civilmilito, al kiu atribuis la karakteron de krucmilito.**

Rilate al la disvolviĝo de la militaj operacioj, laŭ la planoj de Generalo Mola, kelkaj kolonoj el la ribelinta parto de la armeo devus marŝi destine al Madrido. Tiu plano povis efektiviĝi nur partece pro la fiasko de la ribelo en kelkaj gravaj urboj kaj regionoj. La kolono gvidata de Mola mem ekde Navaro troviĝis distance 100 kilometrojn de Madrido jam la 22an de Julio, sed restis draste haltigitaj tie far la rezisto de la fortoj lojalaj al la Respubliko.

La kolono gvidata de Generalo Franko, post transpasi la Ĝibraltaran Markolon nur en Septembro estis alveninte al Talavero kaj poste dediĉiĝis al la liberigo de la Alkazaro de Toledo kie estis sieĝita Generalo Moscardó kun 1.700 personoj inter militistoj kaj geciviluloj. Nur en Novembro la trupoj de Franko alvenis al la suda kaj ŭesta eksteraĵoj de la hispana ĉefurbo, kie ankaŭ ili estis haltigitaj de la rezisto de la madridanoj.





Generalo José Miaja   Generalo Vicente Rojo



Internaciaj brigadistoj

Alia kolono, veninta el Afriko kaj transportita permare eniris tra Galicio por starigi koridoron ĝis la sieĝita urbo Oviedo, kie rezistis Generalo Aranda. Aliaj garnizonoj en Asturio, kiel la kazerno Simankas en Gijón, falis sub la povo de la ruĝaj batalantoj. Krom Asturio estis kun la Respubliko ankaŭ Eŭskadio kaj Kantabrio.

Alia kolono, ĉi-foje anarkiista, eliris el Katalunio destine al Aragono, kiu estis konkerita de tiu forto. Sed tiu kolono ne sukcesis eniri en la provincajn ĉefurbojn Hŭesko kaj Terŭelo. Fiaskis alia kataluna ekspedicio al la Baleara insularo.

Fine de la jaro 1936 estis evidenta ke la komencaj planoj de la ribelintoj ne plenumiĝis. Madrido, eĉ post la retiriĝo de la registaro al Valencio, rezultis nokonkerebla por la faŝista armeo. Defendis tiun ĉefurbon du kapablaj militistoj, Generaloj Rojo kaj Miaja, la rezoluteco de la madridaj gecivitanoj kaj la internaciaj brigadistoj kiuj komencis alveni al Hispanio en Oktobro por kontraŭbatali la faŝismon. Fakte, la ĉefurbo rezistis ĝis la fino de la milito, do la ribelintoj devis ellabori alian militan strategion.

Dume reorganiziĝis ambaŭ armeoj, la respublikista kaj la faŝista, kaj la aŭtoritatoj de ambaŭ zonoj pretiĝis profiti la ekonomiajn rimedojn de siaj respektivaj teritorioj. Sufiĉe pliiĝis de tiam la kontrolo de la registaro de la Respubliko sur la diversaj batalantaj grupoj de la Popola Fronto, kio plibonigis la efikon de la respublikistaj armeaj fortoj. Do, fiaskis tri atakoj de Franko kontraŭ la defendaj linioj de Madrido. La sola faŝista venko en la unuaj monatoj de 1937 estis la konkero de Malago. Tie la anarkiista sindikato **CNT** estis batalante kontraŭ la ceteraj fortoj de la Popola Fronto. Kiel ni vidos poste, tiu interfrontiĝo ene de la respublikistaj fortoj ne estis la sola tiutipa kazo dum la civilmilito. Fakte, kelkfoje por la afero de la Respubliko la anarkiistoj estis tiel danĝeraj kiel la faŝistoj mem. En la konkero de Malago intervenis, helpe de la armeo de Queipo-de-Llano, italaj trupoj senditaj de la faŝista diktatoro Mussolini.

La trupo de Franko plu fiaskis en la bataloj ĉirkaŭ Madrido, en Jaramo en Februaro kaj en Guadalajaro, antaŭ Generalo Enrique Líster, en Marto de 1937, spite al la helpo de italaj trupoj.

Ĉar rezultis evidente ke la milito ne povus esti decidita en tiu Madrida fronto, Franko decidis kuncentrigi la forton en la fronto de la nordo de Hispanio. Dume pliintensiĝis la helpo de la fremdaj faŝismoj al la hispana. Krom la italoj, ankaŭ la germanoj de A. Hitler kontribuis al la hispana milito ĉefe per armilaro: aviadiloj, kanonoj… La demarŝoj kun la faŝistaj potencoj estis faritaj, rolante kiel Ministro pri Eksteraj Aferoj, Serrano Súñer, bofrato de Franko. Tamen la potencoj kiuj povus helpi la respublikon interakordis ne interveni en la hispanan konflikton timante ke tio akcelu internacian konflikton kiu poste konkretiĝis en la Dua MondMilito. La Respubliko devis altekoste pagi la akiritan armilaron kaj por tion fari oni translokigis la oron de la ŝtata banko al Rusio.

Ĉar ekde ĉi paĝoj ni kontemplas la hispanan historion de vidpunkto de la konstituciismo en ĉi tiu lando, decas ke ni pli atentu pri la politikaj eventoj ol pri la militaj operacioj. Tiurilate ni devas registri ke kiam Franko entreprenis la atakojn kontraŭ Madrido, t. e. ekde Oktobro de 1936, li estis jam oficiale la ĉefa estro de la armeo batalanta kontraŭ la Respubliko. Tiu funkcio estis esprimita per la titolo de ***Generálisimo***, en la hispana lingvo, kiun ni povas esperantigi kiel **Generalego** aŭ **Ĉefgeneralo**. Sed en la tiamaj cirkonstancoj tiu titolo enportis ankaŭ la politikan estrecon de la reĝimo tiam naskiĝanta. Fakte, li nomumis konsilantaron

kiu rolis kiel vera registaro de la teritorioj sub la kontrolo de la ribelintoj. En Novembro 1936 la lidero de ***Falange***, José-Antonio-Primo-de-Rivera, en prizono en Alikanto ekde antaŭ la komenciĝo de la milito, estis mort-pafita. Li estis laŭleĝe juĝita kaj ŝajnas ke la proceso estis korekta, sed de politika vidpunkto lia mortigo estis granda eraro. Lia malapero el la politika scenejo de Hispanio plifaciligis la absolutisman povon de F. Franko. La pafmortigo de la fondinto de ***Falange*** okazis la 20an de novembro. Hazarde, la saman tagon mortis en Madrido la anarkiista militisto Buenaventura Durruti kiu estis vundita la antaŭan tagon en ne-klarigitaj cirkonstancoj.

Fine de Marto 1937 Franko decidis la atakon al la nordaj regionoj apogantaj la Respublikon: Eŭskadio, Kantabrio kaj Asturio. Oni povas diri ke la milito estis decidita en tiu fronto, ĉar per la konkero de tiu zono, finplenumita en Septembro de la sama jaro, la frankista zono rezultis pli ampleksa, riĉa kaj potenca ol tiu ankoraŭ kontrolita de la Respubliko. Dum tiu kampanjo mortis, pro iu aviadil-akcidento, la Generalo Mola.

La 17an de Majo 1937 la Prezidento Azaña nomumis novan registaron de Respubliko. Juan Negrín anstataŭis Largo-Caballero-n kiel Prezidento de la Registaro, kaj ties Ministro pri Defendo estis Indalecio Prieto. La nova regantaro evidentigis ian iniciativon en la milita tereno. Oni entreprenis iujn ofensivojn kontraŭ la frankisma zono sed la rezulto ne estis konsiderinda. Pli grave por la respubliko kaj por la Popola Fronto estis la interfrontiĝo, foje perforta, inter la diversaj politikaj kaj sindikataj fortoj de Maldekstraro. Sed la plej danĝera, por la komunaj interesoj, el tiuj interfrontiĝoj estis tiuj komenciĝintaj en Barcelono en la unua semajno de Majo de 1937. La aŭtonomeca aŭtoritato de Katalunio intencis apliki la disciplinon kiu jam ekzistis en la cetero de la zono de la Popola Fronto. La politika forto kiu pli estis kreskanta tiam estis la komunistoj de la **PSUC** (kataluina referaĵo de la hispana **PCE**). La 3an de Majo la kataluna aŭtonomeca aŭtoritato kaj la komunistoj intencis, en la kadro de la politiko de militista unuigo, okupi la konstruaĵon de Telefona entrepreno de Barcelono konfiskita de la anarkiista **CNT**. En tiu operacio estiĝis perforta rezisto kaj en la sekva batalado rezultis mortaj kelkaj altrangaj komunistoj kaj anarkiistoj. Tiam alvenis al Barcelono anarkiistaj trupoj kiuj retiriĝis el la fronto de Aragono kontraŭ la faŝismo por batali kontraŭ aliaj fortoj de la Popola Fronto.



**Ramón Serrano Súñer**



**Juan Negrín**



**Indalecio Prieto**

La incidento estis spontana, ne antaŭe elpensita, sed ĝi havis gravajn sekvojn. Estis tio kio okazigis la demision de Largo Caballero kaj ties anstataŭo fare de Negrín. En la posta subpremado de la responsuloj de la anarkiista maldisciplino estis likviditaj ankaŭ la trotskisma komunista partieto **POUM** kaj ties gvidanto Andrés Nin kiuj iome estis kunlaborintaj kun la anarkiistoj en la ĵusa malordo en Barcelono.

La registaro de Negrín daŭris ĝis la fino de la milito. Sendube li estis la plej kapabla el la Registar-Prezidentoj de la Respubliko ekde la komenciĝo de la civilmilito. Krome la partopreno de Prieto en tiu registaro en la Ministerio kun militaj funkcioj estis alia favora faktoro en la tiama malfacila situacio. Tiu nova regantaro aplikiĝis al la rehavo de la ordo kaj la disciplino ene de la ankoraŭ respublikista zono. La idealo de Negrín estis rekuperi la Respublikon de 1931. Li ordonis meti finon al la persekutado de religiuloj kaj garantii la liberecon de la religia praktikado.

En Oktobro de 1937 kunvenis en Valencio granda nombro da parlamentanoj kiuj, tiamaniere atestis antaŭ la internacia publika opinio pri la parlamenta kaj demokratia karaktero de la institucioj. La translokigo de la ŝtataj institucioj al Barcelono celis ke Katalunio pli efike kontribuu al la komuna batalado kontraŭ la malamiko. La ĉefaj kaj plej seriozaj bataloj kontraŭ la faŝismo: ofensivo de Terŭelo, Ebrobatalo, defendo de la Maestrazgo… okazis sub ĉi tiu regantaro kaj laŭ ĉi ties iniciato. Kvankam la ofensivo de la armeo de la Respubliko kontraŭ Terŭelo komence estis sukcesa, fine la trupoj de Franko rekonkeris la urbon kaj ĉirkaŭan teritorion pere de pli supera armilaro kaj kun grandaj perdoj (40.000 homoj). En marto de 1938 la armeo de la Popola Fronto atingis alian sukceson per la detruo de la

frankista krozo-ŝipo ***Baleares.*** Menciindas ke en la maro la faŝistaj fortoj havis preskaŭ ekde la komenco de la milito egan superecon krom la helpon de la itala eskadro. Dum monatoj marto kaj aprilo de 1938 la frankista armeo entreprenis ofensivon en Katalunio kaj tre progresis en sia antaŭenirado. La 4an de aprilo tiu armeo konkeris la urbon Lerido-n. Poste tiuj trupoj alvenis al la maro per la alveno al Vinarozo kaj la konkero de 6.400 kvadrataj kilometroj.
Poste Franko entreprenis alian ofensivon en la Maestrazgo celante la konkeron de Valencio. Sed ĉi tie la armeo de la Popola Fronto, subgvide de Generalo Miaja efektivigis efikan defensivon dum tri monatoj. Nur meze de Junio povis la trupoj de Franko eniri la urbon Castellono-n. Sed tiam tiu armeo devis interrompi la ofensivon kiam la Popola Fronto entreprenis ofensivon en la zono de la Ebro-rivero subgvide de Generalo Rojo.
La 24an de Julio la ruĝa armeo (tri divizioj) transiris la Ebro-riveron en kelkaj lokoj. Sed la impeto de la ofensivo elĉerpiĝis post malmultaj tagoj. Tiu batalo estis por ambaŭ interbatalantaj armeoj la plej sanga el la tuta civilmilito. Inter la 26a kaj la 31a de Julio la armeo de la Popola Fronto estis haltigita. La frankista armeo ĝuis la apogon de peraviadila bombardado kaj duoblnombron da kanonoj. Meze de Aŭgusto la trupoj de Franko estis rekuperante la perditan terenon. Nur en la unuaj tagoj de Novembro kaj post la uzado de pli ol 500 kanonoj la armeo de Franko povis kompletigi la revenon al la linio de la Ebro-rivero. Oni kalkulas ke ĉiu el ambaŭ armeoj perdis inter 60.000 kaj 70.000 homojn. Tiu Ebro-batalo signis la kapablo-finon de la ruĝa armeo. Kaj krome estis la demoraliziga efiko de la aviad-bombardado sur la urboj kiel Barcelono.




Iuj misfamigantoj de Negrín asertis ke li estris tro aŭtoritatema, sed aliaj akuzas lin esti dominita de la komunistoj. Ja, dum la regado de Negrín la komunistoj akiris grandan povon kaj influon. Malkontenta kun tiu situacio Prieto fine demisiis el tiu registaro. Sed iuj opinias ke la demisio de Prieto okazis kiam li komprenis ke la civilmilito jam estis perdita por la Respubliko kaj ne volis prezidi pluajn malvenkojn. Verdire en tiuj momentoj (aprilo de 1938) la Prezidento de la Respubliko, Manuel Azaña, estis same pesimisto. La alveno de la frankista armeo al la Mediteraneo igis ke multaj personoj en la zono de la Popola Fronto perdis esperon pri venko de la Respubliko.
Post la reorganizado de la registaro de Negrín ĝi suferis novan krizon en Aŭgusto de 1938. Tiam la Registrar-Prezidento havis problemojn ankaŭ kun Azaña sed li sukcesis superi ĉiujn malfacilaĵojn kaj persistis en sia regado. Vere, la Prezidento de la Respubliko ne havis en tiuj cirkonstancoj alian alternativon por la regantaro. Negrín estis neanstataŭigebla eĉ se tio okazis pro tio ke neniu volus akcepti tiam la respondecon gvidi la registaron de la Respubliko.
En Septembro de la jaro 1938 okzis en la kastelo de Figeras la lasta sesio de la Parlamento de la Respubliko. Ĉeestis nur 62 el la 473 deputitoj elektitaj en Februaro de 1936. Neniu disputis la povon de Negrín sed inter iuj militistoj de la Respubliko formiĝis la ideo ke por alveni al la paco oni devus ignori la politikistojn, tezo kiu kondukos al la ribelo de Generalo Casado en Aprilo de la sekvonta jaro.
Se en la zono de la Respubliko oni antaŭsentis la malvenkon, Franko sin vidis jam kiel venkanto de la jam baldaŭ finiĝonta civilmilito. Sekve, li alprenis kelkajn politikajn disponojn kiel la formala nomumo de registaro prezidata de li. Lia naskiĝanta reĝimo havis nenion simila al Konstitucio. Ĝi estis dekomence persona diktaturo en kiu la homoj ne plu estu civitanoj sed regatoj. Post malpli ol unu jarcento kaj duono ekde la unua hispana konstitucio, tiu ĉi lando estis revenanta al la Antikva Reĝimo.
Sed oni devas mencii la promulgadon de iu leĝo kiu, iamaniere, kontemplis personajn rajtojn. Temas pri la tiel nomata “Foruo de la Laboristoj”. En Marto de 1938 Franko proklamis tiun leĝon kiu tre similas al aliaj tiam ekzistantaj en la faŝistaj reĝimoj de Italio kaj Germanio kaj estis inspirita en la doktrinoj de la ***Falange***. Ĝi estis difino de rajtoj kaj devoj de la laboristoj. Kompreneble ne estas en ĝi rajto de strikado, kaj per tiu teksto oni preparas la terenon por la starigo de unusola sindikato kontrolata de la ŝtato. Oni sakraligas la privatan propraĵon sed dume oni kontemplas ankaŭ kelkajn rajtojn kiel sociaj kaj sanecaj servoj. Oni devas ne forgesi ke la faŝismaj reĝimoj naskiĝis kiel reago al la socialistaj revolucioj kaj la komunista reĝimo de Rusio, do, ili devis alpreni kelkajn elementojn de la socialismo, kiel la sanec-servojn, laborrajton, k. s. por efike konkuri kun la maldekstraro. Tiuj rajtoj ne malaperis el la kapitalisma mondo dum ekzistis la socialista alternativo, t. e. ĝis la fino de la 20a jarcento kaj komenco de la 21a.



# Faŝisma venko

La ofensivo de la armeo de Franko kontraŭ la Katalunia teritorio komenciĝis en la antaŭtago de la Kristnaskofesto de la jaro 1938 kaj post dusemajna feroca batalado restis detruita la ruĝa armeo de la Ebro-batalo kiu de tiam ne povis fari alie ol retiriĝi, ofte senorde. Dum malmultaj tagoj la frankistaj trupoj konkeris sep mil kilometrojn. Meze de januaro 1938 estis okupita la urbo Tarragono. Fiaskis la intenco ripeti en Barcelono reziston similan al ties de la defendo de Madrido. La 26an de tiu monato okazis la eniro de la armeo de Franko en Barcelono sen ia ajn rezisto. Pli ol duonmiliono da personoj trairis la landlimon al Francio; multaj el ili neniam revenos. Tamen, dume, la respublikistaj fortoj bone rezistis la ofensivojn kiujn la faŝista armeo faris en la sudo kaj aliaj punktoj de la hispana geografio kaj eĉ entreprenis ofensivon kiel tiun de Pozoblanco.

Sed tiam la internaciaj cirkonstancoj fariĝis favoraj por la faŝismaj fortoj. Ofte oni povas ekspliki la disvolviĝon de la politika situacio de lando kia Hispanio sen ia ajn rilato kun la eksterlandaj aferoj. Sed iam la internaciaj eventoj havas rektan kaj decidan influon sur tio okazanta ene de la lando. En ĉi tiu historio de la konstituciismo en Hispanio jam ni vidis kiel iu eksterlanda militista interveno en 1823 metis finon al konstitucia provo en nia lando. Ankaŭ la milito kontraŭ Usono pro la aferoj de Kubo kaj Filipino generis en nia lando la krizon de 1898.

La jaro 1939 estis alia okazo en kiu la internacia influo klinis la pesilon de la milita venko favore al tiuj fortoj kiuj, en la lando, volis detrui la Respublikan reĝimon. Ni jam menciis tion ke, en 1937, iu **Komitato pri Ne-interveno** respegulis la volon de la ĉefaj eŭropaj potencoj ke la hispana milito ne plikomplikigu la kontraŭdirojn inter ili. Sed ĝuste tiu **Ne-interveno** estis ia maniero interveni en la hispanajn aferojn ĉar la fakta rezulto de tiu plano estis ke la hispanaj aŭtoritatoj de la Respubliko ne povis ricevi la necesan armilaron dum la faŝistaj ribelintoj ĝuis la malavaran apogon de Germanio kaj Italio. Nur Rusio alportis al la hispana Popola Fronto iom da fremda helpo. Proksimume 20 rusaj ŝipoj portante armilojn por la hispana Respubliko estis atakitaj de germanaj kaj italaj militŝipoj. Sed ĝuste tiu rusa helpo fariĝis problema en la unuaj monatoj de 1939. Okazis ke la kontraŭdiroj inter la eŭropaj potencoj spertis strangan evoluon. Stalin perdis sian intereson pri la hispanaj aferoj. Ni memoru ke la fino de la hispana civilmilito okazis nur plurajn monatojn antaŭ la subskribo de la stranga kaj surpriziga pakto inter la faŝista Germanio de Adolf Hitler kaj la komunista sovetia reĝimo de Stalin. Kio okazis por veni al tiu strangaĵo? Ĉi-tiu afero tute ne rilatas al nia studo de la hispana konstituciismo, do ni faros nur etan resumon pri ĝi. La kontraŭdiroj inter la eŭropaj potencoj ne estis afero de du sed de tri interkontraŭantoj: la eŭropaj demokratioj (Britio, Francio), la faŝistaj landoj (Germanio, Italio), kaj la komunista Sovetunio. Ĉiu el tiu tri grupoj estis malamika de la ceteraj du, do eblis kelkaj malsamaj kombinoj de alianco de du kontraŭ unu. Por la demokratioj estus interese ke la germanoj ataku So-

